IXª jaro. Nº 137 (1) ☆ Duonmonata ☆ 20 Januaro 1913

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

ABONO

Jara abono . . . . . . . . . . . . 2. — Sm. (5 fr. —)
Luksa eldono . . . . . . . . . . 2. 50 Sm. (6 fr. 25)

*La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato*

REKLAMO

Reklamo (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . . 20 Sd. (50 ct.)
Anonceto (1 linio: 10 vortoj) . . . . . 15 Sd. (37,5 ct.)
Korespondado (1 enskribo) . . . . . . 20 Sd. (50 ct.)
*Rabato da 10 % por 4 enpresoj; 25 % por 12 enpresoj; 50 % por 24 enpresoj*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

# La industria koncentriĝo

En la dek-naŭa jarcento, neniu suspektis, ke la libereco de la laboro, sekve la libereco de la konkurenco, povos esti iam minacata. La franca Revolucio de 1789 favore akceptis la ideojn de la tiel nomata liberala skolo, cetere tute konforma al ĝiaj principoj; ĉie, kie ili triumfis ĝi forigis la metiajn korporaciojn kaj dekretis la liberecon de l'komerco. Al la dungantoj kiel al la dungatoj, oni malpermesis ĉian interkonsenton por la defendo de iliaj komunaj interesoj. Tiu reĝimo sendube favoris unue la progreson de la tiam naskiĝanta granda industrio. Ĝi funkciis kontentige, ĉu por la produktantoj, kiuj, liberigitaj je ĉiu ajn malhelpo, povis laŭgrade anstataŭigi la manlaboron per la maŝinlaboro, ĉu por la konsumantoj, kiuj estis kontentaj trovi produktojn ĉiam pli abundajn kaj malkarajn. Tiu stato daŭris sufiĉe longe, tiel ke fine enradikiĝis la ideo, ke tiu reĝimo estas tute normala. La senlima libereco de industrio estis kaj estas ankoraŭ konsiderata de la publiko, kiel unu el la plej nekontestataj kaj definitivaj akiroj de la modernaj ideoj. En la realeco, tiu reĝimo taŭgis nur por transira periodo. Ĉio iris bone dum ĉiu fabrikanto, laboranta en difinita regiono por preskaŭ konstanta klientaro, havis nur kelkajn konkurantojn laborantajn en similaj kondiĉoj. Sed kiam progresis la maŝinlaboro kun ĉiuj siaj karakteroj: la pli kaj pli perfektaj maŝinoj, la pogranda produktado, dank' al la pliboniĝo de la komunikiloj, tiam montriĝis, ke la senlima konkurenco alkondukas al ruiniga malŝparado. Estas absurde kaj ruinige, ke du entreprenoj fabrikantaj la saman produkton, unu en Parizo, la alia en Marseillo (aŭ unu en New-York, la alia en San Francisko) konkurencas unu la alian. La intereso de ambaŭ produktantoj kaj de la publiko estas, ke ili dividu inter si la teritorion por ŝpari la transport- kaj reklamelspezojn. Unu el la profitoj de la konkurenco, nome la devigo, ke ĉiu produktanto perfektigu sian produkton por ĝin diferencigi el la produkto de la najbaro, ne plu ekzistas, ĉar la maŝinoj fabrikas unuformajn produktojn. La nuna konkurenco konsistas el la vendado kiel eble plej malkare kaj el la plimalgrandigo de la kostoprezo; ĝi malgrandiĝas kiam pligrandiĝas la maso de la produktoj. La industriisto do devos pligravigi sian entreprenon, eĉ ekster la bezonoj de la konsumado. Kun la tempo tio kaŭzas la fatalan ruiniĝon de la izola produktanto.

Fine, klare aperis al la produktantoj la neceseco de interkonsento por limigi la konkurencon. El tio sekvas diversaj formoj de komerca aŭ industria koncentriĝo. Tiu movado cetere estas nur en komenca periodo. Nenia supera ideo aŭ doktrino pri industria ordo ĝin subtenas. Ĝi estas pure empiria kaj celas nur tujajn rezultatojn. Tial ĝia formo diferencas laŭ la landoj, kaj en ĉiu lando la institucioj, kiujn ĝi kreas, konstante modifiĝas.

Oni ĝenerale distingas tri formojn de interkonsento: en Usono la truston, en Germanujo la kartelon, en Francujo la vendokontoron.

La progreso de la granda industrio estis pli rapida kaj pli kompleta en Usono ol en Eŭropo; tial, unue tie sentiĝis la bezono de organizo kaj koncentriĝo. Tiu entrepreno estis plenumata de la plej grandaj usonaj kapitalistoj. Ĝi sisteme celis la malaperon de la negravaj entreprenoj kaj la starigon de monopolo de la pograndaj produktantoj. Oni kalkulis, ke por kontroli la produktadon kaj la prezojn, sufiĉas posedi 80 % de la produktpotenco de iu industrio. Tiel formiĝis la unuaj interkonsentoj, kiuj neniel kaŝis sian celadon al monopolo. Komence la asociiĝo koncernis nur la vendadon; ĉiu entrepreno konservis sian memregadon.

Kompreneble tiu revolucio en la komercaj kutimoj kaŭzis grandan emocion. La publika opinio kontraŭstaris al tiuj

organizoj, kaj la leĝofarantoj devis interveni. En Usono la *Sherman Act* severe malpermesis ĉiun interkonsenton, kontraŭan al la konata leĝo pri la peto kaj propono. La rezultato estis, ke la produktantoj kunfandis siajn societojn en unu solan organizajon. Tiel naskiĝis la trustoj sub sia nuna formo: la fama trusto de l'petrolo *(Standard Oil Co.)*, regata de Rockfeller; la trusto de l'sukero, poste la trustoj de la diversaj metalurgiaj specialajoj, kiuj baldaŭ kunfandiĝis en la plej vastan industrian organismon konatan: la trusto de la ŝtalo *(U. S. Steel Corporation)* kun kapitalo de 4 1/2 miliardoj da frankoj.

Oni enkondukis pli severajn regulojn en la *Sherman Act*, sed la societoj ilin evitis per novaj modifoj en siaj statutoj. Estas amuze sekvi tiun duelon inter la leĝofarantoj kaj la trustoj; tiuj lastaj ofte kun sukceso apelaciis al la tribunaloj. Se la *Sherman Act* estus severe aplikata, ĉiu komerco fariĝus neebla. La juĝistoj do hezitas ĝin apliki, ili ĝin interpretas siamaniere aŭ deklaras kelkajn partojn kontraŭkonstituciaj. Oni scias, ke en Usono la Supera Kortumo rajtas dekreti la nekonstituciecon de leĝoj regule akceptitaj.

La batalo ne finiĝis, sed la juro ŝajnas tendenci al la laŭleĝa rekono de la trustoj sub certaj kondiĉoj. La publiko, komence tute unuanima kontraŭ la trustoj, nun parte ŝanĝas sian opinion.

Tiuj eksperimentoj estas tro freŝaj por ke oni povu de nun esprimi definitivan juĝon. La trustoj havas oportunajn kaj maloportunajn flankojn.

Je la vidpunkto de la produktado, oni ĝis nun konstatis nur profitojn. La partianoj de la trustoj ilin resumas, dirante ke ili anstataŭigis la anarkian produktadon per la scienca produktado. El tio sekvas multaj ŝparoj. Ŝparo en la fabrikado. „Ni malmultigas niajn direktorojn, diris iu trustano, kio permesas al ni pagi tre kare kaj sekve bone elekti tiujn, kiujn ni konservas; ni laŭeble specialigas nian fabrikadon en ĉiu uzino; ni fabrikas pli malkare, ĉar traktante kun grandegaj kvantoj, ni povas aĉeti la krudan materialon plej malkare." Ŝparo en la distribuado. „Ni plimalmultigas la transportojn de kruda materialo kaj produktoj ĝis la minimumo. Antaŭe, ekzemple, uzino de Pittsburg sendis ferojn al Chikago kaj Pacifiko, dum uzino de Indiana sendis siajn al Atlantiko. Nun, la mendoj de la Atlantika klientaro estas plenumataj en Pittsburg, tiuj de la okcidenta klientaro en la okcidentaj uzinoj." Oni devas ankaŭ noti la ŝparojn en la reklamelspezoj, afiŝoj, vojaĝistoj. Alia profito: la senlima konkurenco kaŭzis krizojn de troproduktado, sekvitajn de senlaboraj periodoj. Nun, la entreprenmastroj povas antaŭvidi: la produktado plenumiĝas laŭ la bezonoj de la konsumado; oni laboras kontinue. Nenia ilaro neuzata, nenia kapitalo senprofita.

La pograndaj produktantoj estas do kontentaj. Ĉu same pri la konsumantoj kaj laboristoj? Tie aperas la maloportunajoj.

Oni konstatas, ke la trustoj havantaj la monopolon, povas laŭplaĉe altigi la prezojn. La plimulto tion ne faris tuj; eĉ la formiĝo de trusto kaŭzis unue malkariĝon de komercajo. Ekonomiistoj kalkulis, ke tiu malaltigo estas tre malgranda kompare kun la ŝparo je la kostoprezo; sed tiun kalkulon la publiko ne faras. Ĝi ĝojas pro la malaltiĝo kaj ne vidas, ke ĝi estas ekspluatata.

Kion opinias la laboristoj? Ili hezitas. La ĉefoj de la potencaj sindikatoj ne malfavore konsideras la trustojn; ili opinias, ke trakti kun ili estas pli facile ol kun izolaj mastroj. La usona laboristaro esperas interkonsenti kun la trustoj por la konservado de la altaj salajroj kaj vendoprezoj — je la malprofito de la konsumantoj.

Fine, la politikan danĝeron de la trustoj oni ne povas nei. Iliaj ĉefoj ofte ne havas skrupulojn; ili tendencas subaĉeti la politikistojn por ricevi favorajn leĝojn. Tio jam okazis, sed ĝi estas la konsekvenco de la politika reĝimo pli ol de la industria koncentriĝo.

* * *

Estas inter la germana kartelo kaj la usona trusto diferenco, kiun esprimas la malsameco de iliaj nomoj. Kartelo signifas grupiĝon de egalrajtaj membroj; trusto estas la fordono de ĉiuj rajtoj al unu aŭ pluraj *trustees*, t. e. rajtigitaj komisiitoj. Unuflanke estas federacio, aliflanke kunfandiĝo. La aŭtoro de la verko, kiun ni analizas, S<sup>ro</sup> de Rousiers, aljuĝas tiun diferencon al la malsameco de la naciaj karakteroj: la Usonano senmezure ambicia, la Germano pli modera en siaj deziroj. Tiu klarigo ne ŝajnas tre kredinda.

La grado de la koncentriĝo estas ofte la sama, sed tiu koncentriĝo estas nur komerca. Ekzemple, kiam mino aliĝas al la minsindikato de Vestfalio, ĝi perdas la rajton senpere disvendi sian karbon; ĝia tuta produktajo estas metata al la dispono de la vendoficejo, kiu ĝin vendas laŭ prezo fiksata de ĝi por la plej bona profito de la asocianoj. Sed ĉiu entrepreno restas aparta kaj sin mem administras. Oni kredas, ke per tiu reĝimo oni havos preskaŭ ĉiujn profitojn de la trustoj kaj evitos kelkajn el iliaj maloportunajoj.

Kiel en Usono, la publika opinio komence montriĝis malfavora al la komerca koncentriĝo. Sed tie la ŝtato ne intervenis por ĝin malhelpi, sed por ĝin kontroli. Poste, kiam la institucio montriĝis taŭga, la ŝtato alprenis favoran sintenadon. La karteloj, kiuj utilis al kontinua irado de la nacia industrio, trovis apogon ĉe la prusa registaro priokupita de la industria prosperec. Cetere, la servoj de la karteloj al la germana industrio (precipe en metalurgio) ne estas kontesteblaj. Kombinitaj kun la dogana reĝimo ili donas al siaj anoj sekurecon, kiu fine fariĝas kaŭzo de malsuperec. S<sup>ro</sup> de Rousiers, komparante ilin kun la grandega organizo de la ŝtala trusto, kiu rezultas el senkompata elektado, dubas pri la sukceso de la karteloj tiam, kiam neeviteble la usona konkurenco batalos kun ili por la konkero de la Eŭropa kaj tutmonda vendokampoj.

En Francujo la movado de industria koncentriĝo estas multe malpli grava ol en Usono kaj Germanujo. Ĝi limiĝas al la starigo de vendokontoroj, precipe en metalurgio. La plej interesa estas la kontoro de Longwy, fondita en 1876 de kvar lorenaj forĝejmastroj. Ĝi estas starigita kiel vendokontoro kaj de tiam ne ŝanĝis sian karakteron. Ĝi nun estas societo, formita inter dek-du industriaj societoj por la aĉeto kaj reaĉeto de la krudaj fandferoj produktataj en la fornegoj de departemento Meurthe-et-Moselle. La klientaro de la kontoro konsistas precipe el negravaj uzinoj, fandejoj kaj forĝejoj. Entute la starigo de tiu kontoro havis kiel konsekvencon, laŭ S<sup>ro</sup> de Rousiers, favorajn konsekvencojn por la lorena metalurgio, ĉar ĝi kunigis la bonajojn de la koncentriĝo kun la bonajoj de la memstareco de l'forĝejoj.

Interese estus ankaŭ studi la interkonsentojn en la industrio de la maraj transportoj. Oni vidas en la libro de S<sup>ro</sup> de Rousiers kiajn aparte absurdajn konsekvencojn kaŭzas la senbrida konkurenco. Oni nun provas starigi interkonsenton precipe inter la britaj kaj germanaj ŝipkompanioj. La internacia karaktero donas al tiuj interkonsentoj apartan intereson.

Tiaj estas la ĉefaj ĝisnunaj provoj celantaj la pli bonan organizon de la granda industrio. Tiu evolucio iom post iom nin kondukas al la starigo de nova industria ordo, kiun trudas la bezonoj de la konsumado kaj la progresoj de la tekniko. Tial, ĉiuj similaj fenomenoj de industria koncentriĝo meritas esti atente konsiderataj.

Laŭ[1] *P. de Rousiers*. Trad. *A. R.*

[1] *Les Syndicats industriels de producteurs en France et à l'étranger.* (A. Colin, Paris).

## SOCIA VIVO

### La Savarmeo.

La antaŭ nelonge okazinta morto de „generalo“ Booth denove altiris la atenton al la Savarmeo, kies propagando estis, oni eble rememoras, tre diverse akceptata laŭ la lokoj. Ĝi tamen meritas ion alian ol ridojn. Kompreneble ĉiu plene rajtas laŭdi aŭ mallaŭdi la religian spiriton, kiu kunigas ĝiajn anojn, sed oni ne povas ne admiri ilian fervoron kaj ilian socian agadon.

Ĝia fondinto havis ĉiujn bonajn kaj malbonajn ecojn de la apostolo. Li havis la fidon, entuziasman bonecon, la amon al la homaro, precipe al la mizeruloj, nerompeblan energion. Li ankaŭ estis despota, iafoje fanatika kaj malcedema. Li havis la ŝancon posedi edzinon, kies organizaj kapabloj estis preskaŭ tiel grandaj kaj kies taktoplena elokventeco nedubeble multe lin helpis por la varbado de adeptoj.

Oni ne povas studi la laboron de la Savarmeo se oni ĝin juĝas sendepende de ĝia kreinto, kiu restis la animo de la movado. En 1877 li starigis la Savarmeon sur kvazaŭ militista bazo, kun soldatoj, leŭtenantoj, kapitanoj, komandantoj kaj „generalo“, kiu estas la absoluta ĉefo; la virinoj estas elekteblaj por ĉiuj gradoj.

Kiam ĝi estis kreita, ĝi estis, en Britujo kiel pli poste en aliaj landoj, mokata kaj ridindigata; la procesioj estis atakitaj kaj la kunvenoj malhelpitaj. Dank' al sia serena kuraĝo la Savarmeanoj senarmigis la kontraŭulojn; iom post iom la popolamaso venis kaj aŭskultis la predikistojn, kiuj sur placo aŭ strato sin turnis al ĝi en simpla sed tre trafa maniero.

La granda forto de la Savarmeo kuŝas ĝuste en tiu fakto, ke ĝiaj misiistoj estas ne nur popolanoj, kiuj alparolas siajn kamaradojn en familiara maniero, sed ankaŭ ofte kondamnitoj, antaŭaj ebriuloj, viroj aŭ virinoj kiuj antaŭe vivis en la malvirtoj. Ili venas kaj konfesas sian kulpon; tiel ili havas grandan influon. „Generalo“ Booth jene parolis pri ili: „Mi konstatis, ke ordinaraj laboristoj, en siaj laborvestoj, povas esti multe pli atente aŭskultataj de siaj similuloj, ol mi, malgraŭ miaj teologiaj esprimoj kaj miaj superaj konoj. Mi konstatis, ke sklavoj de ebrieco estis senteblaj je la influo kaj atesto de reformitaj drinkemuloj, kies parolo estis konsolesprimo, dum mia ofte estis kondamno. Mi konstatis, ke tiuj loĝantoj de East-Sud (la plej malbona kvartalo de Londono), kies plej altan gradon de feliĉeco ĝis tiam reprezentis boksarto aŭ unupenca romanaĉo, povis kompreni, ke „tamen religio taŭgas por io“, kiam ili vidis, ke malnovaj konatoj sub ĝia influo vivis en deca maniero kaj estis feliĉaj!“

Cetere, la influo de la Savarmeo ne estus tiel ampleksa, se ĝia ĉefo ne estus konsiderinta kiel unuan devon la materian prizorgadon al la mizeruloj. Li mem diris, ke „sentutile estas prediki Evangelion al homo kiu bezonas panpecon; donu al li unue panpecon, poste li povos akcepti la Evangelion“.

La Savarmeo penas spirite savi la plej mizerajn homojn; je la socia vidpunkto ne ekzistas homo, kiel ajn defalinta, kiu ne ricevas ian helpon. En 1911 ekzistis 23 institucioj por patrinoj, 17 „sociaj farmoj“, 117 helpodomoj, 181 laborejoj, krom tio multaj deponejoj de nutraĵoj. Estas ankaŭ aziloj kaj malkaraj hoteloj, kiuj povas gastigi 20,467 virojn kaj 1593 virinojn. En 1911 6.597.803 litoj estis okupitaj kaj 12,207,643 manĝoj estis donitaj. Flanke de tio ekzistas diversaj helpaj institucioj: dungejoj, uzinoj, laborejoj por malriĉuloj. Tiuj institucioj atingas 1025. Oni komprenu, ke ili ne nur celas gastigi; ili havas pli altan celon. Certe, neniam oni rifuzas liton aŭ supon al malriĉulo, sed tie nur komencas la socia laboro de la Savarmeo. La gastigita homo estas simpatie akceptata; la unuan fojon, eble de post longa tempo, li vidas sin bonkore atentata. Kia ajn estas lia pasinto oni neniam malesperas lin savi; oni instruos lin pri la sankteco de la laboro; oni penos fari el li utilan homon; en lia animo, ĝis tiam celanta nur la brutan kontentigon de materialaj interesoj, oni ekflorigos idealon kaj esperon. Post tiuj rezultatoj oni povas pardoni la bruajn predikojn kun muziko, la strangŝajnajn vestaĵojn, la simplegajn ideojn de la predikistoj. Grava estas la rezultato: homoj morale refortiĝis; ili fariĝis utilaj membroj de la homa familio; ili „saviĝis“.

Dank' al tiu kunmikso de mistika religieco kaj atento pri la materiaj bezonoj, la Savarmeo rapide progresis. Antaŭ 29 jaroj ĝi enhavis 80 societojn; en 1911 ĝi havis 9040; la nombro de la oficiroj kaj oficistoj atingis 21.098, al kiuj oni devas aldoni la nesalajritajn helpantojn, kiuj kunlaboras al la Savarmeo ekster siaj laborhoroj, t. e. 52.794 personoj. La nombron de la adeptoj oni malfacile povas taksi, sed oni havos ideon pri la graveco de tiu movado, kiam oni scios, ke la eldonaĵoj de la Savarmeo aperis en 25 lingvoj po 1½ miliono da ekzempleroj. Ĝi estas disvastigata en ĉiuj landoj, precipe en Britujo, Germanujo, Usono, Aŭstralio, Nov-Zelando, Sud-Afriko, Svedujo, ktp. Nur en la latinaj landoj ĝi ne sukcesis kaj ĝia influo estas tie nula.

Ĝia socia laboro estas grandega; ĝi ampleksas ĉiujn formojn de la homa mizero (eĉ ekzistas oficejo speciala por la homoj kiuj intencas sin memmortigi; oni penas ilin refortigi morale). La registaroj ofte uzis ĝian kunlaboradon, speciale en la britaj kolonioj.

La karakterizo de tiu institucio estas, ke ĝia bazo estas la laboro de la plej humilaj direktataj de absoluta ĉefo. Por ke ĝi sukcesu, estis necese, ke ekzistu kompleta, blinda konfido inter la bazo kaj la kapo. Oni povas dubi, ĉu tiu sistemo daŭros longe post la morto de „generalo“ Booth, sed ĉiuokaze lia entrepreno postvivos, ĉar li montris novan vojon al la filantropio. Liajn konvinkojn oni povas diskuti (kvankam la socia kaj la religia parto estas malfacile apartigeblaj), sed kiam oni konsideras la grandegan laboron, kiun li plenumis, la homojn, kiujn li helpis, oni forgesas liajn mankojn kaj ne povas ne admiri lian verkon.

Trad. *A. R.*

### Internacia ruĝkruca ŝiparo

Antaŭ nelonge aperis en Nederlanda gazeto artikolo, en kiu oni pritraktas demandon pri tiel internacia kaj homama celo, ke certe ĝi meritas la atenton de la Esperantistoj.

Dum la nuna Balkana milito, la diversaj Ruĝkrucaj ekspedicioj, elsenditaj por la helpado al la vunditoj, spertis, ke iliaj servoj ne ĉie estas dezirataj, ekzemple en Konstantinoplo pro la nacia fiereco de la Turkoj, kiuj ne ŝatas esti objekto de la kompatemo de aliaj nacioj.

Pro tio unu el la membroj de la ĉefkomitato de la Nederlanda Ruĝa Kruco faris interesan projekton pri organizo de Internacia Ruĝkruca Asekuro. La projekto celas starigi ŝiparon de almenaŭ tri grandaj ŝipoj sub estrado de la internacia komitato de la Ruĝa Kruco en Ĝenevo.

La ŝipoj mem jam donos grandan spacon por flegi la vunditojn, kaj povus transporti grandan kvanton da ambulanc-materialoj de unuformaj tipoj; krom tio ili povus esti uzataj kiel marsanatorioj.

La ŝipanaroj devas konsisti el diversnaciaj maristoj kaj el kerno de ambulanca stabo, kiu ĉiam devos ĉeesti sur la

ŝipoj. Tiu stabo en okazo de neceso povos tuj esti pligrandigata el rezervo de jam antaŭe kunmetitaj grupoj da flegistoj. La ŝipoj povus parte pagi la ekspluatkostojn, se ili estus uzataj kiel resanigejoj, kaj parte trovi enspezojn el donacoj.

En okazo de milito estus devige, ke la partoprenantaj nacioj pagu sumon fiksotan de la Ruĝkruca Komitato. Ĉiu el la militantaj partioj akirus unu el la ŝipoj por sia uzo, dum la tria restus kiel rezervo. La transportado plenumiĝus per vaporŝipetoj. Per radiotelegrafado la ŝipoj povus ricevi ordonojn por tuj iri tien, kie estas ilia helpo bezonata.

La elpensinto volas apliki tian sistemon ne sole dum militoj, sed ankaŭ en okazo de katastrofoj, kiel la Messina kaj San Francisko'a tertremegoj, kie tuja helpo montriĝis senfine pli efika ol la poste organizita helpo per la kolektita mono de ĉiuj nacioj.

Tiel organizitan la nacioj mem partoprenantaj en la kostoj nature ne plu konsiderus tian helpon kiel donitan almozon, kaj la nacia fiereco ne detenus ilin akcepti tion, kion ili eĉ rajte povos postuli.

Tia labormaniero sendube plifortigos la bonajn rilatojn inter la popoloj, ĉar certe neniu nacio nuntempe povas resti indiferenta pri la danĝeroj de epidemioj akompanantaj la militojn, kiuj ĉiam minacas rompi la komercajn rilatojn inter la landoj.

Ĉi tie oni opinias, ke Nederlando povos ludi gravan rolon en tiu ĉi demando, okaze de la malfermo de la Pacpalaco. Nederlando ekzemple donus sumon por la fondiĝo de la supre nomita entrepreno. Tiamaniere ĝi trovus la okazon repagi la favoron, kiun faris al ĝi la aliaj nacioj elektante ĝin kiel sidejon de la estonta Pac-palaco.

Ĝojige estas noti kiom da homamaj ideoj naskas la maltrankvila tempo en kiu ni vivas, dum la danĝero de milito minacas eĉ niajn landojn.

Inter tiuj ideoj estas kelkaj tre notindaj, kiel ekzemple la jena, kiu montriĝis ankaŭ en Nederlanda gazeto:

Kial la membroj de la vivasekuraj kompanioj ne farus grandegan kontraŭmilitan unuiĝon? Certe la milionoj da tiuj personoj estas interesataj plej multe, ĉar en okazo de Eŭropa milito ili perdus ĉiujn rajtojn, ne povante ricevi la premiojn por kiuj multaj el ili dumvive kotizis.

*F. Pakker* (Vicdel., Rotterdam).

## La transformo de la hindo-ĥina alfabeto

Kion reprezentas tiu strangŝajna vorto: *kvok ngu*?

Ĝi estas la tute konvencia skribo, kiun la unuaj katolikaj misiistoj, portugalaj, hispanaj kaj francaj, venintaj antaŭ tri jarcentoj en Hindo-Ĥinujon, uzis por reprezenti per latinaj literoj kaj kelkaj pluaj signoj la hindo-ĥinajn sonojn, kiujn ili aŭdis ĉe la enlanduloj. Potenca ilo por la disvastigo de la okcidenta idearo, la *kvok ngu* certe estos pli kaj pli uzata, ĉar ĝi altgrade helpas al la enpenetrigo de la Eŭropaj konoj en Hindo-Ĥinujon.

La instruado de tiu alfabeto disvastiĝis kun mirinda rapideco. Ĉiuspecaj vulgarigaj verkoj aperas presitaj en *kvok ngu* el la hindo-ĥinaj presejoj. Oni unue tradukis la verkojn destinatajn por la popola elementa instruado; nun oni per ĝi tradukas la lernilojn necesajn por la meza instruado; baldaŭ la hindo-ĥinaj studentoj, venintaj en Francujo por akiri la okcidentajn konojn, tradukos por siaj samlandanoj la verkojn pri juro, politika ekonomio, naturscienco kaj pri literaturo. Konatiĝante kun la Eŭropaj ideoj, la hindo-ĥinaj junuloj sentas la deziron traduki en sian propran lingvon la verkojn, kiuj plej bone enpenetrigas en niajn ideojn. Tion ili plej oportune povas fari dank'al la *kvok ngu* kiu per niaj simplaj latinaj literoj permesas reprezenti la tiel riĉan ĥinan sonaron, sen la bezono studi la komplikegan signaron de la ĥinaj lingvoj.

Antaŭ tri jaroj, generalo Pennequin, kiu nun komandas la francan armeon en Hindo-Ĥinujo, diris ke „la *kvok ngu* estas la vere taŭga ilo por penetrigi la Eŭropajn ideojn ĉe la Hindo-Ĥinojn".

S-ro Farjenel, sendita de la financa kaj kolonia ministerioj en Hindo-Ĥinujon, tre kompetenta pri la ĥinaj signoj, kiujn li funde studis, diris, ke „en tuta Koŝinĥinujo oni instruas ne plu per la antikvaj signoj sed per la *kvok ngu*. En Tonkino la tuta nova generacio ĝin fervore studas kaj konstatas ĝian grandan superecon kompare kun la sistemo de la signoj. „Nur la malnovaj literaturistoj bedaŭras la antikvajn signojn, sed ĉie estas blindaj konservativuloj, kiuj opinias ĉiun novaĵon malbona". Ĥina instruisto, spertinte la taŭgecon de tiu alfabeto, antaŭdiris, ke „frue-malfrue Ĥinujo mem ĝin siavice alprenos".

La franca administracio mem konvinkiĝis pri la granda utileco de la *kvok ngu*, kies studon ĝi nun postulas de siaj enlandaj oficistoj. S-ro Simoni, reprezentanto de Francujo en Tonkino, rekomendis, ke oni transskribu per ĝi ĉiujn administrajn aktojn kaj ĝin uzu por la rilatoj inter la francaj kaj enlandaj ŝtatoficistoj.

La kleraj Hindo-Ĥinoj mem same opinias. S-ro Fan Tan Trin, konata verkisto veninta en Francujon por konatiĝi kun nia civilizacio, skribas, ke la „*kvok ngu* estas gravega por liaj samlandanoj. Ĝi permesas al ili partopreni en la tutmonda vivo".

Poste, sin turnante al la Hindo-Ĥinoj, li esprimiĝis jene: „Antaŭ ĉio ni penu fari vortaron, kunigante ĉiujn vortojn de nia lando, procedante tiel, ke ni diru kiel tia objekto nomata tiel en iu loko nomiĝas alie en alia loko, kiel ideo estas malsame esprimata laŭ la lokoj. Ni poste faros gramatikon, elektante la plej elegantajn esprimmanierojn, kun precizaj reguloj, tiel ke ĉiu povu ilin uzi kiel modelojn de lingvo kaj stilo. Tiuj el niaj samlandanoj, kiuj bone scias la francan lingvon kaj la ĥinajn signojn, traduku en *kvok ngu* la plej interesajn verkojn, de la teknikaj kaj sciencaj libroj ĝis la historiaj kaj literaturaj verkoj".

La konsiloj de Fan Tan Trin estas favore aŭskultataj. La progresoj de la *kvok ngu* estas gravaj kaj sendube ne malakcelos. La Esperantistoj kun ĝojo povas konstati tiun evolucion, ĉar la transskribo de la hindo-ĥinaj lingvoj en latinaj tipoj nedubeble faciligos la akiron de nia lingvo al la ĥinaj enlanduloj tiom pli ke Esperanto estas multege pli simpla ol la franca lingvo.

Laŭ Kapitano *J. Roux*.
Trad. *A. R.*

## Siberiaj vilaĝoj

III

Interese estas, ke mujiko ne komprenas la valoron de granda kapitalo. Li ne scias kiel ĝin eluzi, ĉar li kontentiĝas je la kutimaj vilaĝaj kondiĉoj, ne elirante el la rondo de siaj vilaĝaj bezonoj. Se li estas sata, vestita, havas bonan domon kaj mastrumon, tio lin tute kontentigas; sed la deziro al spiritaj interesoj ne estas vekita; la zorgo pri proksimulo lin neniam maltrankviligas kaj li konas neniajn bonfarantajn aferojn. La rilatoj kun la komunumaj aferoj estas treege simplaj kaj reguliĝas per kutimaj, antaŭ longe fiksitaj normoj. Solan amuzaĵon donas nur... „vodko" (brando), kaj la plej granda deziro por sufiĉe riĉa mujiko en tia angulo estas ekdrinki la „caran vodkon" (la plej alta grado de „vodko"), tiu, kiun trinkas la caro mem. Ĉio restanta, la maloportunaĵoj kaj malordoj de la komunuma vivo, lin tute ne agitas kaj estas nur nova superflua temo por konversacioj.

Jen kelkaj ilustraĵoj: En vilaĝo Paĉi ekzistas eklezia paroĥa lernejo; ĝi estas jam de kelkaj tagoj fermita, ĉar la kamparanoj ne donas hejtlignaĵon. En iu vilaĝo oni dungas vilaĝskribiston por 1800 Sm. jare kaj preferas la pli multekostan skribiston, ne tial ke li multe scias kaj konscience laboras, sed ĉar li scias kun ĉiuj vivi amike, manpremas kun vilaĝanoj, kun ĉiuj drinkas, ĉiujn vizitas; la vilaĝanoj scias, ke li estas koruptulo kaj netaŭga; tamen ĉiuj preferis lin anstataŭ vere honesta kaj pli malkara konkuranto.

Periode ĉe vilaĝanoj oni kolektas la nepagitajn impostojn. Tiu kolektado plenumiĝas pli-malpli severe laŭ la lokoj. En 1907 oni uzis aparte severajn rimedojn por „elpremi" la ŝuldantojn. Kiel ĉie, estas tie ĉi multe da malriĉuloj, kiuj ne pagos la ŝuldatajn impostojn, nur pro monmanko. La kolektado de 1907 estis tiel eksterordinare farita, ke ĉiuj vilaĝoj eĉ ĝis nun estas plenaj de rakontoj kaj rememoraĵoj pri tiu tempo. Komisiono el vilaĝestro, distrikta policestro kaj oficiro loĝis en ĉefvilaĝo kaj en la diversajn aliajn vilaĝojn ĝi dissendis „urjadnik'ojn" (vilaĝaj policistoj) kun nomaro de la impostŝuldantoj por senprokrasta elkolektado. La komisiono plimallongigis la tempon per kartludado, drinkado aŭ persekutado de la kamparaj fraŭlinoj. En la plej multaj okazoj la impostŝuldantoj havis nenian monon kaj nenie povis pruntepreni. Tial, enirante en la domojn, la senditoj tuj ekkaptis la samovarojn, kusenojn, ŝalojn, kaj elpelis la bruton el la korto. Ne malofte ili erare prenis la havaĵon de tiu, kiu ne ŝuldis, nur tial ke la vilaĝskribisto preparinta la liston multe eraris. Kriego, larmoj kaj ĝemoj estas plej ofte la fono, sur kiu fariĝas la kolektado de la impostŝuldoj, kaj kial ne disputi kaj kriegi, kiam pro ŝuldo da 3 Sm. oni deprenas kaj tuj vendas al iu komercaĉisto la ĉaron, kiam el la tablo de la teon trinkanta familio oni perforte prenas la bolantan samovaron, kiam de la kapo aŭ ŝultroj de mujikino, oni deŝiras la ŝalon aŭ tukon, kiam el korto oni forkondukas la bovineton, kiam senĝene oni serĉas en kofregoj kaj kun ĉio agas kiel kun sia propraĵo?

Ankoraŭ unu ilustraĵo. Jen granda vilaĝo Tajmenka, ne malproksime de poŝtvojo inter Tomsk kaj Barnaul. En januaro 1908 Tajmenka estis infektita de la variolo; malsaniĝis kaj mortis ne nur infanoj, sed ankaŭ gejunuloj. La vakcinistoj ne vizitis la vilaĝon dum jaroj. Estis absolute nenia helpo, nek kuracisto, nek kuracista helpanto. Sed la mujiko serene akceptas la morton de siaj infanoj, opiniante ke „tiel plaĉas al Dio". En Tajmenka estas ankaŭ lernejo, sed ĝi estas fermita ĉar la instruisto foriris.

Tiu tuta angulo estas en favoraj kondiĉoj. Multaj loĝantoj estas skismuloj (malnovrituloj), kiuj elmigris el Kurgana Uezdo de Tobola gubernio kaj elektis kiel novan hejmon tiun sovaĝan angulon. Preskaŭ ĉiuj loĝantoj estas terplugistoj, kiuj vivas nur per greno, sataj kaj kontentaj, ĉar ilia tero ĝis nun ne konis malbonrikolton. Krom terkulturo oni en tiu ĉi regiono fervore brutedukas — kio bone profitas. Abelkulturo estas ankaŭ fonto de riĉeco. En la najbaraj vilaĝoj aldoniĝas diversaj aliaj profesioj: akiro de karbo, lignaĵo, arbtraboj, transporto de brando k. t. p. Vilaĝo Tutalj estas vera regno de granda frago, kiu ĉiujare donas abundan rikolton. La vilaĝo Mironovka estas vera regno de frambo, kiun iafoje la vilaĝanoj kolektas po dekmiloj da siteloj (1 sitelo enhavas 20 botelojn), gajnante dum somero ĉirkaŭ 3000 Sm.

Tiaj estas la naturaj vivkondiĉoj de tiu angulo, kie, ŝajnas, la materiala vivo povus esti facila. Sed nenion similan ni vidas. Antaŭe, eĉ antaŭ ne longe, la greno dum multaj jaroj kuŝis en garbejoj ne draŝita, ĉar la grenejoj estis plenplenaj da greno kaj mankis libera loko por tien surŝuti la grenon. La mielo dum multaj jaroj staris en bareloj ĉe la grenejoj, kaj preskaŭ en ĉiu domo oni ĝin manĝis. La mono, kiel la greno, amasiĝis kaj estis kaŝita en potoj subplanken aŭ en kestoj. La mujiko tute ne sciis, kiel eluzi sian monon. Liaj ekstreme simplaj materialaj bezonoj estis plene kontentigitaj, sed aliajn interesojn li ne havis krom la sola komuna barelo da brando. Tiel fluis la vivo, limigita per mallarĝaj kadroj de mastrumaj interesoj, vivo simpla, forta, senruza, preskaŭ ne konanta la krimojn kaj la trompojn. Ekstere de la limoj de siaj kortoj, la mujiko sciis absolute nenion pri la mondo. Nur en vilaĝegoj estis lernejoj, malbone aranĝitaj kaj nur por ŝajno; tie oni instruis iomete legi kaj skribi, sed tiun scion la vilaĝanoj tuj forgesis post eliro el la lernejo.

*(Daŭrigota.)* Trad.[1] Pastro *Seriŝev* (Del. Krasnij Jar).

## La ĉevalo en la prahistoriaj tempoj [2]

II

La elfosaĵoj de la pli nova ŝtona epoko montras la sufiĉe subitan returnon en la civilizacia disvolviĝo de la homaro. Ŝanĝiĝas precipe la religiaj konfesoj, sub la influo de la orientaj faktoroj. Oni renkontas diversajn aĵojn kaj objektojn, antaŭe nekonatajn. Ne indas dubi, ke la tiamaj eŭropaj gentoj subiĝis al la invado de la nomadaj gentoj, certe el Azio venintaj. La enmigrintoj alportis kun si ne sole novajn kutimojn kaj kredojn, sed ankaŭ alpelis la hejmigitan bestaron, kiu dum migradoj liveris al ili nutraĵon kaj vestaron. En tiuj aroj troviĝis ankaŭ la ĉevaloj. Ili estis pli grandaj kaj pli fortaj ol la eŭropaj.

La aziaj ĉevaloj estis jam malsovaĝiĝintaj. La pruvojn de tio ni renkontas en diversaj elfosaĵoj. La nombro de virbestoj estas pli-malpli egala al nombro de virinbestoj; ekzistas fine simileco anatomia al hodiaŭaj sovaĝaj specoj.

La restaĵoj de la bestoj hejmigitaj pruvas la nombran superecon de la virinbestoj kaj apartenas kutime al la pli junaj individuoj. Se do oni sukcesis konstati, ke la ĉevalo komencis esti en tiuj tempoj dombesto, tamen estas nesciate, ĉu ĝia sensovaĝigo havis celojn escepte nutraĵajn, aŭ ĉu oni komencis uzi ĝin kiel interkomunikilon. Atiso trovita en loĝejoj sur kampoj en Clairvaux estas sola pruvo, ke en tiuj tempoj ekzistis veturiloj. Neeble tamen pruvi, ĉu veturilo, kies konsistiga parto estis tiu akso, estis tirita de ĉevaloj, aŭ de homoj. Oni ne trovis la dentaran bridon kaj la aliajn jungigajn aĵojn de tiuj tempoj, sed tio ne estas sufiĉa pruvo, por aserti, ke ili ne ekzistis. La tiamaj homoj povis ilin fari el ligno aŭ el materialoj tro nefirmaj, por ke ili ĝis niaj tempoj konserviĝis.

La aperon de metalaj produktaĵoj dankas Eŭropo ree al la orientaj homoj. La paca invado ŝanĝis tute la kondiĉojn de la tiama vivo. La produktoj el oro, kupro, bronzo anstataŭas malrapide la ŝtonobjektojn. La elfosaĵoj de tiu epoko alportas al ni la nedubajn pruvojn, ke oni uzis tiam la ĉevalon por jungo. Oni trovis la plej diversspecajn partojn de la ĉevala jungaĵo: dentarajn bridojn, surbrustaĵojn, ĉirkaŭkolaĵojn, eĉ sonoriletojn, kiujn oni alligis al la timonoj aŭ al la subrustaĵoj. Kvankam oni uzis ĉevalon kiel jungforton, tamen ĝi ne ĉesis nutri siajn mastrojn. Longe oni devis atendi, antaŭ ol pereis la kutimo manĝi la ĉevalan viandon. En la meza Eŭropo ĝi ĉesis ne pli frue, ol ĝin malpermesis papoj Gregorio III kaj Zaĥario I.

La malkovro de la fero kaj ĝia apliko ŝanĝas ree la kondiĉojn de disvolviĝo de la homaro. La desegnaĵoj kaj skulptaĵoj de tiaj tempoj instruas nin sufiĉe detale pri la moroj de la tiamaj homoj.

La ĉevalo ludas tre gravan rolon en la socia vivo kaj estas simbolo de eminenteco. Ĝi estis besto, servanta dum

[1] El ĵurnalo *Siberiaj demandoj.*
[2] Vidu *Esperanto* de 20 decembro.

milito kaj por distrajoj kaj oni ĝin ne uzis por la terkulturo. Ĉe funebraj ceremonioj oni oferdonis ĉevalojn kaj tiu kutimo atingis la historiajn tempojn, kiel rezultas el tekstoj de Veddo. La junĝajo de la ĉevalo estis en tiuj tempoj tre simpla kaj konsistis el ĉirkaŭkolajo, al kiu per pero de rimenoj ligita estis la veturila timono, kaj el unu kondukilo por direktado. Selo estis ankoraŭ nekonata, kaj la hufumojn oni ekuzis pli malfrue.

En la ĉiutaga vivo oni surrajdis la ĉevalon; dum milito ĝi tiris la veturilojn. La ĉevalo, kiun oni en Hindujo diigis, fariĝis ĉe komenco de la historiaj tempoj simbolo de la rapideco; tial la Fenicianoj ornamis la frunton de la ŝipoj per la ĉevala kapo. En niaj tempoj la ĉevalo ĉesas malrapide esti utila besto kaj fariĝas luksajo aŭ nutrajo. La ĉevalbuĉejoj, kiuj en 1894 vendis kvin milionojn kgr. da ĉevala viando, vendis en 1909 jam milionojn kgr.

Trad.[1] *J. Makara.*

## La Ritma Gimnastiko.

Sento pri harmonio kaj sento pri ritmo ekzistas je plimalpli alta grado en spirito de ĉiu homo; ĉe kelkaj ili estas kvazaŭ embriaj, ĉe aliaj ili estas pli grandaj; sed por eduki tiujn sentojn, por ke ili kresku bele kaj plene, necesa estas speciala studado. Tion celas la instruado de l'muziko.

S-ro Jaques-Dalcroze, la fama komponisto de la „Festo de l'Vinberistoj en Vevey", estis profesoro de harmonio ĉe la Konservatorio en Genève. Tie li konstatis, kiel multaj aliaj antaŭ li, ke la lernantoj kelkafoje tre malfacile komprenas diversajn ritmajn temojn: intertakto, sinkopo, trioleto, k. a.; eĉ kelkaj ne sentas fortan takton. Kiel multaj aliaj li serĉis novajn metodojn pli taŭgajn por instrui tiujn nefacilajojn, sed kiel malmultaj aliaj li sukcesis, ordonante ke la lernantoj marŝante frapu per la piedoj la notojn, dum ili per la brakoj montras la takton. Iom post iom elkreskis el tiuj ekprovoj la ritma gimnastiko, kiun oni ankaŭ nomas sistemo Jaques-Dalcroze.

Dum pluraj jaroj S-ro Jaques-Dalcroze dediĉis sian laboradon en Genève al tiu sia elpensajo. Lernantoj, ĉiam pli multaj, venis al li de diversaj landoj; li faris en franca, germana kaj angla lingvoj kursojn por geinfanoj, por muzikistoj, kaj normalajn kursojn. Tiuj instruitoj poste disiris, kaj en sia hejmolando kreis tiun instruadon. Aparte citinda estas S-ro Jean d'Udine en Paris.

En 1910 S-ro Jaques-Dalcroze foriris el Genève, kaj iris al Dresden, apud kiu, en arbaro, estas fondita ĝardenurbeto Hellerau. Li tie konstruigis tutan instituton nun finitan. Laŭ tre originala stilo, en kiu ne troviĝas iu alia ornamo ol rekta linio kaj orta angulo, ĉio blanka, tiu monumento konsistas precipe el grandega halo (60 metrojn longa, 16 m. larĝa, 16 m. alta) por la prezentadoj, ĉirkaŭita de diversaj ĉambregoj por la instruado, banejoj, sunbanejoj, k. c.

Mi havis honoron konatiĝi kun S-ro Jaques-Dalcroze en Genève, kie mi ĉeestis kurson, kaj mi vizitis lian Institucion en Hellerau dum lasta somero, antaŭ liaj prezentadoj de Orfeo de Glück, kies provripeton li permesis al mi rigardi. Mi estis des pli feliĉa, ke nun tre malofte li tion permesas. Tamen, kiam la Esperantiaj Karavanoj revenante el Krakow haltis en Dresden, li plej afable bonvolis nin akcepti kaj li eĉ okazigis speciale por ni instruhoron eksterordinaran dum la libertempoj. Estu li ĉi tie respekte dankata pro tiu afablajo.

Verdire, ritma gimnastiko ne estas tute gimnastiko. Ĝi estas arto, kies instruado celas, ke homo per la movoj de l' diversaj partoj de sia korpo realigu por la okuloj, kion realigas por la oreloj la muziko; per la praktiko de tiu arto, muzikisto pli facile kaj pli bone realigos per sonoj, kion li jam povas realigi per sekvo de sintenadoj. Konsekvence, kiel muziko esprimas ideojn kaj reprezentas spiritstatojn, ilin ankaŭ esprimos kaj reprezentos ritma gimnastiko. Tio nin kondukas al la dancarto, sed iom flanke; cetere tiu dancarto diferenciĝas de l' kutima danco de niaj kutimaj baletoj en la operejo, per tiu ĉefa fakto, ke muziko ne celas montron de elturniĝoj kaj ekspozicion de tibikarnoj, kiel en klasikaj operoj, sed ke danco celas simple traduki muzikon kaj ke ambaŭ, muziko kaj danco, ne estas disigeblaj: unu kaj alia esprimas saman ideon, reprezentas saman spiritstaton.

Cetere, S-ro Jaques-Dalcroze, kiun nekleraj malsprituloj nomis „dancisto", estas nur muzikisto, kaj lia sistemo ĉefe celas instruadon pli facilan de notkanto. Ankaŭ flanke, sed tamen konsiderinde, ritma gimnastiko sane kreskigas la korpon kaj precipe graciigas eĉ kutimajn gestojn kaj movojn.

Sed ĉefe, ritma gimnastiko estas logika metodo por instrui la diversajn modojn de takto. Ne nur ĝi povas esti necesa por la muzikistoj, sed ankaŭ ĝi estas utila por la infanoj, kiuj tiel ĝojas je la instruhoro, kaj kiujn tiel amegas S-ro Jaques-Dalcroze. Pro la elpenso de tiu sistemo la nomo de S-ro Jaques-Dalcroze restos inter tiuj de l' plej famaj pedagogoj.

*L. Poncet* (Kons. Lyon).

[1] El pola ĵurnalo *Glos Narodu* (Voĉo de Popolo).

# ❁ NOTOJ ❁

.·. **Nova malkara konstrumetodo por domoj.** — La demando pri pli malkara domkonstruado estas problemo, pri kiu multaj homoj sin okupis, inter aliaj la fama Edison. La solvo de tiu problemo signifus pli higienajn loĝejojn por granda parto de la homaro, kaj sekve pli da saneco.

En Norvegujo estas necese havi bonajn domojn, ĉar la malvarma vintro kun neĝaj ventegoj postulas, ke oni loĝu en varmaj domoj. Tial oni tie interesiĝas pri nova elpensaĵo, kiu eble montriĝos grava. Estas nova metodo por domkonstruado: konstruiĝas solida skeleto el fero aŭ ligno. Tia starigaĵo kovriĝas ambaŭflanke je maldika lignaĵo aŭ tabuletoj. La interspacon plenigas bona izoliga materialo, ekzemple torfo. Ekstere de tia malkara konstruaĵo metiĝas la nova kovraĵo, kiun la elpensinto S-ro Nino Magelsen nomas „Niton". Tio estas substanco el minerala origino, mola kaj glua. La substanco estas konservata en bone firmitaj bareloj, kaj kiam ĝi almetiĝas je l'influo de l'aero, ĝi malmoliĝas kiel ŝtono. La tuta konstruaĵo kovriĝas ekstere kaj interne je kvazaŭa haŭto, nebrulebla, sonkvietiga kaj bakteriologia. „Niton" estas malkara kaj povas esti kolorigata aŭ figurata.

Akcia societo fondiĝis por la ekspluato de tiu eltrovaĵo. Oni jam konstruis provdomon kaj sendis petskribon al la aŭtoritatoj por ricevi aprobon, ke tiaj domoj estu konsiderataj kiel ŝtondomoj.

Se la eltrovaĵo plenumas sian celon, oni eble staras antaŭ nova kaj pli bona domkonstrua metodo. — *R. Buseth* (Namsos, Norveg.).

.·. **Busto de Richard Wagner en la Walhalla.** — La reĝanto de Bavarujo konsentis, ke tiun ĉi jaron — 100 jarojn post la naskiĝo de Wagner — estos starigata la busto de la fama komponisto en la Walhalla, inter la aro de la plej grandaj eminentuloj de Germanujo. En la lasta jardeko estis inaŭguritaj la bustoj de Vilhelmo Ia, de Bismarck kaj de Moltke, sed ili havis nur nacian signifon. Oni kontraŭe povas diri, ke la starigo de la Wagnera busto estos tute internacia festo.

Certe el ĉiuj landoj entuziasmaj amikoj de belega muziko alvenos la urbon, en kies proksimeco troviĝas la Walhalla, la fama nacia templo, konstruita de la artamanta reĝo Ludoviko Ia de Bavarujo. Por faciligi la restadon en Regensburg la tiea Esperantista rondo prenis sur sin la taskon helpi la eksterlandajn Esperantistajn gastojn.

# LITERATURO

## TRA LA ESPERANTA LITERATURO

**Plena Klasika Libro de Esperanto,** ordigita kaj kontrolita de *Th. Cart* kaj *Em. Robert.* Presa esper. Societo, 33, rue Lacépède, Paris. Prezo: Sm 0,40; en ingo: 0,50.

Jen kuŝas sur mia labortablo tiu malgrandeta 9×6 cm$^a$ ĵusaperinta presĉefverko. Kiel ĉiuj juveloj, ĝi ne tenas multe da loko; dank'al ĝia tre oportuna formato oni povas ĝiu enpoŝetigi kaj ĉiam havi kun si. Sed ne laŭ dikeco kaj pezeco oni devas juĝi kaj recenzi tian utilegan manlibreton.

La *Klasikan Libron* oni devas taksi kiel novan kaj plej efikan garantiilon de nia nepre necesa unueco, bazita nur sur la plena necedema fideleco al la Fundamento, vera firma ŝtonego, sur kiu ni povos starigi nian internacian konstruajon.

La Klasika Libro konsistas el: 1e du oficialaj gravegaj dokumentoj (konsiloj pri enkonduko de novaj vortoj en la komunan lingvon kaj Boulogne'a deklaracio). — 2e oficiala fundamenta gramatiko. — 3e oficiala radiko (universala radikaro kaj oficiala aldono kun franca, angla kaj germana tradukoj). La radikoj presitaj per dikaj literoj apartenas al la Fundamento. Ĉiuj aliaj, presitaj per klinitaj literoj, apartenas al la oficiala Aldono. Tial ĉiu uzanto povas unuavide apartigi la radikojn el kiuj konsistas la kerno de nia lingvo, el la radikoj oficiale aldonitaj de la Akademio.

La libreto estas ordigita kaj kontrolita de Sroj Th. Cart kaj Em. Robert, kiuj jam de longe tiel kuraĝe laboras por la unueco kaj pureco de nia lingvo. Al la gloro de Dro Zamenhof ili humile dediĉis, en ĉi tiu jubilea jaro, tiun verketon zorge reviditan kaj kompostitan. Ĝiu foliumante kaj dum kelkaj tagoj uzante, oni baldaŭ vidas, ke la tradukoj en la tri lingvoj suprecititaj estas metode kaj science kontrolitaj. Tiel severa estis la konscienco de la revidintoj, ke ili ne volis, kvankam forta estis la tento, aldoni la polan kaj rusan tradukojn, pri kiuj ili ne havas sufiĉan kompetentecon.

Kun vera plezuro mi rimarkis je la librofino la nomojn de Sroj Polgar, de Lengyel, Solsona, Kiené, kompostistoj. Oni ne devas forgesi ke el plej utilaj anoj de nia movado estas la preslaboristoj.

Pro tio mi tute aprobas la delikatan ideon, kiu dankeme kunigis en tiu altvalora presaĵo kun la gloŕa nomo de Zamenhof la modestajn nomojn de la laboristoj, kiuj, malpli kiel salajritoj ol kiel presartistoj kaj fervoraj esperantistoj, kunlaboris ĉe la kompostado de tiu presjuvelo.

Al ĉiuj esperantistoj (tute egale malnovuloj aŭ ĵusbakitoj) mi konsilas la tujmendon kaj senĉesan uzadon de la klasika libro. Ĝi utilos kiel necesega kontraŭveneno kontraŭ kelkaj fuŝitaj vortaroj kaj lernolibroj; ĝi metos fidindan kondukan fadenon en la manojn de lernantoj, ekzamenatoj, eĉ ekzamenantoj; ĝi tiamaniere restreĉos la fundamentan ligilon, kiu nur sola povas kunteni la diversnaciajn anojn de nia familia rondo.

* * *

**La universala helpa lingvo en 30 lecionoj,** (greklingve) de Dro *Anakreon Stamatiades,* en Samos 1912. Prezo (ne montrita).

Pri tiu greklingva lernolibro oni povas diri bonon kaj malbonon. Bonaj estas la instrua metodo kaj la riĉa frazaro, per kiuj iom post iom la lernanto povas enmemorigi multajn radikojn kaj vortojn kaj rapide lerni korekte skribi kaj flue paroli. Bona ankaŭ estas sur la paĝo 57a la presigo de la internacia mona tabelo. Sed kial Dro Stamatiades enmetis en sian *lernolibron* ĉiujn renkontitajn afiksojn? Kial li senbezone donis kelkajn iom fantaziajn etimologiojn, ekz. pri *dis,* kiu devenas de la latina samsenca *dis,* ne de la greka *dys* (*dis* korespondas al la greka *dia*). Ĉu la difino de *ul* (p. 70, kio estas aŭ kio havas) ne estas stranga?

* * *

**Lehrbuch der internationalen Hülfssprache Esperanto,** von Dr *A. Mobusz* Lübeck 1912. Prezo (ne montrita).

* * *

**La artefarita „Altmontarsun"-bano,** nova kuracmetodo de Dro *Breiger.* Ader kaj Borel, Struvestrasse 40, Dresden. Prezo: Sm. 0,20.

VERTO.

---

Regensburg estas malnova, historia, interesega urbo. Je 10 km troviĝas la Walhalla kai plie la Halo de la Liberigo. Ambaŭ templojn konstruis Ludoviko Ia, la Walhalla al la honorigo de la germanaj eminentuloj (konstruita en 1830—41), la Halo de la Liberigo al la rememorigo pri la liberigo de Germanujo (konstruita en 1842—63). Certe, ĉiu, vizitonte Regensburgon, ne pentos. — *H. Reuss* (Vicdel. Regensburg).

.·. **Kresko de la loĝantaro en Lodz.** — Lodz, grava industria centro, prave nomata „Pola Manchester" antaŭ 100 jaroj estis nur vilaĝeto. Ĝian mirindan kreskon kaŭzas diversaj kaŭzoj.

Post la divido de Polujo, la ekonomia stato de la lando estis tre malbona. La registaro, volante ĝin plibonigi, invitis por tiu celo agemajn alilandulojn, al kiuj ĝi konsentis diversajn privilegiojn. Parto enloĝiĝis en Lodz, fondis malgrandajn fabrikejojn, kiuj baldaŭ formis industrian kolonion. En 1793 Lodz havis 190 loĝantojn, en 1827 ĝi havis 2843, en 1837 jam 10.000. Tri jarojn poste, la loĝantaro duobliĝis (20.000). De 1840, la Lodza industrio komencis disvastiĝi dank'al la novaj maŝinoj. Kun la ekonomia kresko pligrandiĝis ankaŭ la loĝantaro: en 1860 estis 32.000 loĝantoj, en 1870 100.000 kai en 1897 315.000; nun estas 512.000 kaj 400 fabrikoj, ellaborantaj komercaĵojn je 140.000.000 Sm jare. Tiel Lodz senhalte kreskis, kaj estas evidente, ke ĝi en la estonteco kreskos ankoraŭ pli rapide. — *J. Ŝapiro* (Lodz).

.·. **Statistiko pri internaciaj rilatoj perpoŝtaj.** — La Internacia Oficejo de la universala Poŝt-Unio publikigas ĉiujare statistikajn tabelojn pri la internacia poŝta servo. La volumo, rilata al la ekspedoj dum la jaro 1910 ĵus aperis. Ĝi enhavas 136 paĝojn grandformatajn, kaj donas, por ĉiu el la landoj de la Unio, la sumon de la korespondaĵoj senditaj, montrante la ricevantajn landojn kaj la specon de sendaĵoj. Jen la suma statistiko de la sendaĵoj, laŭ kategorioj:

| | |
|---|---|
| Leteroj | 906.243.677 |
| Poŝtkartoj | 277.932.086 |
| Presaĵoj | 551.929.168 |
| Specimenoj de komerco | 38.372.611 |
| Sendaĵoj neafrankitaj | 11.166.388 |
| Ordinaraj pakaĵoj | 55.405.883 |
| Pakaĵoj kun valoro deklarita | 5.770.273 |
| Poŝtmandatoj | 28.839.466 |
| Rekuvroj | 556.802 |
| Gazetoj senditaj al abonintoj | 51.812.212 |

Tiuj ciferoj montras en sufiĉa elokventeco la grandegan amplekson de la internaciaj rilatoj perpoŝtaj. — Laŭ *La Vie Internationale* kaj *Poŝta Esperantisto.*

FELIETONO

## La Suferoj de juna Werther

De W. v. GOETHE

Trad. *P. Usinger*

Enirinte la ĉambron, li irovis Alberton ĉeestanta. Tio momenton igis lin malbonhumora. Tamen, baldaŭ li ree trankviliĝis kaj fajre raportis al la prefekto siajn opiniojn. Tiu ĉi kelkfoje skuis la kapon kaj kvankam Werther citis ĉion, kion homo povas diri por la senkulpigo de homo, kun la plej granda vigleco, pasio kaj vereco; tamen, kiel estas facile kompreneble, la prefekto ne estis tuŝita. Li kontraŭe ne lasis fini sian amikon, diligente kontraŭparolis kaj mallaŭdis, ke li kompatis mortinsidiston. Li montris al li, ke tiamaniere ĉiu leĝo estus neniigata ĉiu certeco de la ŝtato estus ruinigata; ankaŭ li aldonis, ke en tia afero li povus fari nenion, ne ŝarĝante al si la plej grandan respondecon, ke ĉio laŭorde devus iri la ordonitan vojon.

Werther ne ankoraŭ kapitulaciis, sed nur petis, ke la prefekto malatentu, se oni helpus la forkuron de la viro. Ankaŭ tion rifuzis la prefekto. Alberto, kiu fine enmiksis sin en la interparoladon, konsentis kun la maljunulo. Werther estis venkita kaj kun dolora sufero li ekiris, post kiam la prefekto kelkfoje diris al li: „Ne, li ne povas esti savata!"

Kiom tiuj ĉi paroloj frapis lin, ni vidas je folieto, kiu troviĝis inter liaj paperoj.kaj kiu certe estis skribata la saman tagon:

„Vi ne povas esti savata, malfeliĉulo! Mi bone vidas, ni ne povas esti savataj".

Kio Alberto fine diris pri la afero de la kaptito en la ĉeesto de la prefekto, estis treege antipatia al Werther, li kredis rimarki en ĝi kelkajn aludojn al si kaj kvankam post multa pripensado lia sagaceco bone komprenis, ke la du viroj estis pravaj, tamen li kredis, ke li devus rezigni pri sia interna estado, se li devus ĝin konfesi.

Folieton, kiu rilatas tion, kiu eble esprimas liajn tutajn rilatojn al Alberto, ni trovis inter liaj paperoj.

„Kion utilas, ke mi diras kaj rediras al mi: li estas brava kaj bona; sed ĝi disŝiras miajn plej internajn intestojn; mi ne povas esti justa."

Ĉar estis delikata vespero kaj la vetero komencis degeli, Ĥanjo piede iris kun Alberto. Survoje ŝi iafoje rigardis malantaŭen, ĝuste kvazaŭ mankus la akompano de Werther. Alberto komencis paroli pri li, mallaŭdis lin estante justa. Li tuŝis lian malfeliĉan pasion kaj deziris, ke estu eble lin forigi. „Mi deziras ĝin", li diris, „ankaŭ pro ni, kaj mi petas vin", li daŭrigis, „ke vi donu al lia konduto je vi alian direkton kaj ke vi faru liajn vizitojn malpli oftaj. La homoj atentiĝas kaj mi scias, ke oni parolis pri ĝi tie ĉi kaj tie". Ĥanjo silentis kaj Alberto ŝajnis sentinta ŝian silenton; almenaŭ de tiu tempo li ne plu menciis Werther ĉe ŝi kaj se ŝi menciis lin, li interrompis la interparoladon aŭ deturnis ĝin alien.

La sensukcesa provo, kiun Werther faris por la savo de la malfeliĉulo, estis la lasta ekflamo de estingiĝonta lumo, li nur des pli enprofundiĝis en doloron kaj malagemon, precipe li preskaŭ freneziĝis aŭdinte, ke oni eble povus postuli lin kiel atestanton kontraŭ la homo, kiu nun neadis.

Ĉio, kio malagrabla iam ajn trafis lin en lia vivo agema, la ĉagreno ĉe la ambasadoro, ĉio, kio alia malsukcesis al li, kio ajn ofendis lin, svarmis en lia animo. Per ĉi ĉio li trovis sin rajtigita je malagemo, li trovis sin senigita de ĉiu espero, malkapabla ekkapti iun ajn tenilon, per kiu oni prenas la aferojn en la ordinara vivo kaj tiel li fine, tute dediĉita al sia miriga sento, karaktero kaj senfina pasio, en la eterna unuformeco de malĝojigaj interrilatoj kun la aminda kaj amata kreitino, kies trankvilecon li detruis, sencele kaj senespere forlaborante siajn fortojn pli kaj pli proksimiĝis al malĝojiga fino.

De lia konfuzeco, pasio, de lia senhalta penado kaj klopodado, de lia vivilaceco kelkaj postlasitaj leteroj estas la plej fortaj atestoj, kiujn ni ĉi tie intermetas.

La 12an de decembro.

Kara Wilhelmo, mi estas en tia stato, en kia devis esti tiuj malfeliĉuloj, pri kiuj oni kredis, ke ili estas ĉirkaŭpelataj de malbona spirito. Kelkfoje ĝi kaptas min, ĝi ne estas timo, ne avido — ĝi estas interna, nekonita furiozado, kiu minacas disŝiri mian bruston, kiu kunpremas mian gorĝon. Ve! Ve! kaj tiam mi vagas en la teruraj noktaj scenoj de tiu ĉi sezono malamika al homoj.

Hieraŭ vespere mi devis eliri. Subite okazis degelado, mi aŭdis, ke la rivero elbordiĝis, ĉiuj riveretoj kreskis, kaj de Wahlheim mia kara valo superakvita! Nokte post la dekunua mi elkuregis. Terura spektaklo, vidi de la roko la fosantajn ondojn turniĝantaj en la lunlumo, super kampojn kaj herbejojn kaj arbetaĵojn kaj ĉion kaj suben la vastan valon. Kaj kiam poste la luno revidiĝis kaj ripozis sur la nigra nubo kaj antaŭ mi ruliĝadis la ondoj en terure belegaj rebriloj kaj sonegis, tiam atakis min tremado kaj sopirado! Ha, kun etenditaj brakoj mi staris antaŭ la abismo kaj spirio suben! Suben! kaj perdiĝis en ĝojego subenrapidigi miajn turmentojn, miajn suferojn! Brukuri kiel la ondoj! Ho, kaj levi la piedojn de la tero kaj fini ĉiajn turmentojn ci ne povis! — Mia horloĝo ne ankoraŭ elfunkciis, mi ĝin sentas! Ho, Vilhelmo, kiom volonte mi estus doninta mian homan estadon por disŝiri kun tiu ventego la nubojn, ĉirkaŭpreni la ondojn! Ha, kaj ĉu la enkatenigito ne iam ricevos tiun ĉi ĝojegon?

Kaj kiam mi rigardis melankolie malsupren sur la loketon, kie mi ripozis kun Ĥanjo sub saliko post varmiga promeno — ĝi ankaŭ estis supera kvieta kaj apenaŭ mi rekonis la salikon, Vilhelmo! Kaj ŝiaj herbejoj, mi pensis, la regiono ĉirkaŭ ŝia ĉasdomo! Kiel detruita nun de la torenta riverego nia laŭbo, mi pensis. Kaj la sunradio de la estinto enrigardis, kiel sonĝo pri brutaroj, herbejoj kaj honoraj oficoj al kaptito! Mi staris! — Mi ne mallaŭdas min, ĉar mi havas kuraĝon por morti. — Mi estus. — Nun mi sidas ĉi tie kiel maljuna virino, kiu kolektas lignon de la bariloj kaj la panon ĉe la pordoj por plilongigi sian formortontan, senĝojan estadon. *(Daŭrigota.)*

---

## Al niaj Abonantoj

**La pli granda parto de niaj abonoj finiĝas en januaro kaj februaro. Ni do petas, ke ĉiuj abonantoj, kiuj estas informitaj pri la finiĝo de sia abono, bonvolu kiel eble plej baldaŭ sendi sian reabonon por eviti al si interrompon en la ekspedado kaj al ni senutilajn klopodojn.**

**La jara abono kostas 2 Sm. (5 frankoj).**

**La jara abono al la luksa eldono, presata sur pli bona papero kaj broŝurita, kostas 2,50 Sm. (6,25 frankoj). Tiu luksa eldono estas aparte rekomendinda al personoj dezirantaj konservi la gazeton por la bindado.**

* * *

**Ni atentigas niajn novajn abonantojn pri tio, ke ESPERANTO ne aperis la 5. Januaro pro la Novjara libertempo koincidanta kun ŝanĝo de presisto.**

## KRONIKO

**Novaj grupoj kaj societoj.** — *Dresden.* — S-ro W. Ranft fondis Esp. ŝakklubon, kiu ludas ĉiumerkrede je 8½ h. en „Kronprinz Rudolf".

*Genova* (Ital.). — La Itala Esperanto-Asocio havas nun sian centran sidejon: Salita Pollaiuoli 13. La Genova Esp-Unuiĝo sidas nun je la sama adreso. Prez: Kapitano Berardo Saccani.

*Lyon* (Franc). — Anstataŭ D-ro Dor, mortinta, la Grupo elektis S-ron Cohendy, prof. ĉe la Jura Fakultato, kiel prezidanton. La Grupo kunvenas ĉiumerkrede en la Esp. Hejmo, 78 rue de l'Hôtel de Ville. — L. P.

*Mylau* (German). — Nova grupo. S-ro Linz, prez; S-ro Streidt, sekr. — H. G.

*Peterburgo* (Rus.). — Nova societo kreiĝis en la Superaj Virinaj Bestuĝevoij Kursoj; koncertvespero kun parolado estis bonege aranĝita. — F. Ŝ.

*Reichenbach* (German). — Nova grupo. S-ro Gerike, prez. — H. G.

*Rimini* (Ital.). — P-ro Carolfi fondis novan grupon; Esp-Oficejo estis kreita ĉe papervendejo Pasquinelli.

*Villach* (Aŭstrio). — Grupo estas en fondiĝo. Oni petas la alsendon de ĉiuspecaj propagandiloj: D-ro M. Wedam, bahnkonzipist, Villach.

**Novaj kursoj.** — *Alagoinhas* (Brazil). — Kurso direktata de S-roj M. Sondahl kaj C. Cunha; 25 lernantoj.

*Auerbach* (German). — Du kursojn gvidas S-roj Gemusens en reallernejo kaj Gutwasser en komerca lernejo.

*Cormons* (Aŭstrio). — Kurso de S-ro G. D. Cendis; 90 lernantoj; post la malfermo sekvis festeno kaj propaganda parolado. — A. G.

*Evora* (Portugal). — Kurso de S-ro Moraes Sarmento, Del., ĉe la Ruĝa Kruco. — M. S.

*Fresnes-Nord* (Franc). — Kurso de S-ro Richez, Del., en la knabina lernejo; 25 lernantoj.

*Graz* (Aŭstrio). — Kurso de S-ro Geier en reallernejo, 25 lernantoj, kaj de S-ro Scholze en teknika altlernejo.

*Kondberg* (Aŭstrio). — Kurso de S-ro Brenneisen en popollernejo; 35 personoj; grupo baldaŭ fondiĝos.

*Lausanne* (Svis). — S-ro Caumont baldaŭ komencos kurson en la komerca lernejo. La Grupo intencas organizi ekspozicion kaj danke ricevos donace interesajn esperantajojn.

*Leoben* (Aŭstrio). — Kurso de S-ro v. Lüerwald; grupo fondota.

*Lwow* (Galicio). — La Teknikista Grupo aranĝis kurson inter studentoj.

*Roznov* (Moravio). — Nova senpaga kurso de S-ro Kudela; alia gvidata de S-ro Friedrich.

*Toulouse* (Franc). — La ĉiujaraj kursoj rekomencis, gvidataj de F-ino Beynard kaj D-ro Chalot. Nova kurso en la supera unuagrada lernejo; 40 lernantoj. — L. B.

*Trieste* (Aŭstrio). — La 9 decembro D-ro Ghez malfermis kurson por perfektiĝado, en kiu oni ekskluzive parolas Esp; 40 personoj. S-ro Chierego malfermis novan kurson por komencantoj; 43 personoj. — A. G.

*Ufa* (Rus.). — Kurso de S-ro Zavjjalov, Vic-del., en la vira gimnazio. — N. F.

*Vevey* (Svis). — S-ro Jaquillard, el Lausanne, faras kurson en la publika lernejo. — A. J.

**Paroladoj.** — *Aarhus* (Danujo). — La 6. decembro, parolado de S-ro Heilskov, Del., ĉe la Societo de la komerc, kaj Oficejhelpantoj; el la aŭskultantoj 14 aniĝis al kurso.

*Lille.* — La 22. decembro okazis ĉe la sidejo de la Lille'a grupo granda Esperanta parolado de S-ro P-ro Pitlik pri Praha. Plenega estis la granda amfiteatro. La parolado estis vera sukceso. La lumbildoj, kiujn prezentas P-ro Pitlik, estas efektive belegaj, kaj la kompetentuloj el la ĉeestantaro konfesis, ke ili ĝis nun vidis nenion similan en Lille. Kvankam la kunsido daŭris pli ol tri horoj, ĉiuj ĉeestantoj, eĉ neesperantistaj, restis ĝis la fino, tiom ili estis sub la ĉarmo de tiuj belaj vizioj kaj de la harmonio de nia lingvo. Antaŭ S-ro Pitlik, S-ro Deligny paroladis france pri la Oka Kongreso. — L.T.

*London.* — S-ro H. A. Epstein faris du paroladojn pri la organizo kaj servoj de UEA antaŭ la Esp-kursoj ĉe Dalston kaj Kentish Town (kondukataj de la Londona urba Konsilantaro). — A. E.

*Manchester.* — Dum decembro, S-ro Shaw faris sub la titolo „Ĉu esti aŭ ne esti" paroladon pri la financa reformo por instrui la membrojn pri la kaŭzoj de tiu reformo.

*Stuttgart.* — Parolado de S-ro P-ro Christaller en la Ledigenheim; sekvas kurso kun 20 lernantoj. — C. M.

*Toulouse.* — La 20 novembro, lumbilda parolado de D-ro Chalot pri Esp. kaj la Krakova Kongreso; 400 personoj aplaŭdis la elokventan paroladiston. S-ro Cazelles, Akademia inspektoro, parolis favore por Esp. — L. B.

**Paroladvojaĝo pri Praha.** — S-ro P-ro Pitlik, kiu plenumas nun peresperantan paroladvojaĝon tra Praha, komunikas, ke li ĝis nun havis bonan sukceson. Li paroladis la 18. decembro en Braunschweig (150 ĉeestantoj, tradukis S-ro Reinking kaj F-ino Jahns), la 20. en Antwerpen (100 personoj, tradukis S-ro van Schoor), la 22. en Lille (250 personoj, tradukis S-ro Barat), la 29. en Veghel (120 personoj, tradukis S-ro Schendeler), la 3. januaro en Uden (100 personoj), la 4. en 's-Hertogenbosch (200 personoj, tradukis S-ro red. Pastoor). S-ro P-ro Pitlik paroladis la 18. januaro en Bradford, la 20. en Glasgow, la 23. en London, la 6. februaro en Rouen, la 12. en Chaux-de-fonds, la 16. en Lyon. En ĉiuj urboj la parolado havis grandan sukceson kaj ĉie la publiko admiris la tre rimarkindajn lumbildojn. Dum februaro la adreso de P-ro Pitlik estos: Centra Oficejo, 51 rue Clichy, Paris.

**Kunvenoj kaj festoj.** — *Arboleda-Bilbao* (Hispan). La Esp. Grupo festis la naskotagon de D-ro Zamenhof per vespermanĝo kaj balo. Sekvis sukcesplena manifestado tra la stratoj. — H. S.

*Bordighera* (Ital.). — La 15. decembro, festo je la honoro de D-ro Zamenhof; ĉeestis 30 gastoj, angloj kaj italoj. Kantoj, deklamo kaj teatraĵo gajigis la vesperon. — E. D.

*Letchworth* (Anglujo). — La 7. decembro, sukcesa propaganda kaj festa vespero. S-ro Cox (Londono) parolis pri Esp. Sekvis kantoj, deklamoj kaj teatraĵo; 150 ĉeestantoj. — F. A. G.

*Meisten* (German). - La 12. decembro sukcesplena festo, kun kantoj, deklamoj, teatro kaj balo.

*Praha* (Bohem). — La 13. decembro sukcesa festo okaze de la deka datreveno de la fondiĝo de Esp. Klubo.

*Sabadell* (Hispan). — La Grupo Aplech aranĝis sukcesan propagandan feston; multnombra ĉeestantaro.

*Spa* (Belg). — Por la organizo de la 5a Kongreso de la Belga Ligo Esp. (1913), la urbo voĉdonis monhelpon da 300 fr. (120 Sm).

*Voroneĵ* (Rus.). — La 3. decembro festo por la naskotago de D-ro Zamenhof. Diversaj aŭtoroj resumis la vivon de nia majstro kaj la historion de Esp. — K. V.

*Weinböhla* (German). — La 14. decembro, festo je la naskotago de D-ro Zamenhof; ĉeestis 800 personoj. Elokventan paroladon de S-ro v. Frenckell sekvis kantoj, deklamoj kaj vigla balo. — A. S.

## NAŬA UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

### 1ª Cirkulero

Ĉar la Naŭa pro diversaj malfacilaĵoj ne povas okazi en Ĝenova, la K. K. K. decidis, ke ĝi estu organizata en **Bern.** La Svisa Esperanta Societo kaj la loka Esperanta Grupo de Bern akceptis la honoran sed pro la mallonga tempo iom malfacilan taskon kaj komencis la preparojn. Jam estas starigita listo de la Direktanta Komitato kaj de la Loka Organiza Komitato.

La dato de la Naŭa Universala Kongreso de Esperanto estas fiksita je la lasta semajno de Augusto 1913 (24./31.).

La kotizo ne estas ŝanĝita, ĝi do restas je 6 Sm. (fr. 15.—).

La Oficiala organo de la Naŭa Universala Kongreso estas **„Esperanto"**, kiu de nun estas presata en Berno kaj aperadas regule dufoje ĉiumonate; tiamaniere la Esperantistaro tre rapide kaj akurate povas esti informata pri ĉiuj decidoj k. t. p. de la Kongresa Komitato.

Ĉiuj leteroj estu de nun adresataj al la *„Komitato de la Universala Kongreso de Esperanto"* en Berno.

Berno, Januaro 1913.

Por la Provizora Komitato:
*J. Schmid.*

## DIVERSAĴOJ.

.·. *Esperanto kaj turismo.* — Sub la aŭspicioj de UEA ĵus aperis dupaĝa gvidfolio tra *Cheltenham* (Anglujo) kaj tra *Liverpool.* Ĝis nun gvidfolioj aperis en 87 urboj. Dezirinde estas, ke tiu nombro rapide kresku. La vintro estas la taŭga sezono por la preparado de la gvidfolioj.

.·. *Niaj artikoloj.* — La artikoloj aperantaj en *Esperanto* daŭras esti tradukataj nacilingven por naciaj gazetoj. La *Werdauer Tageblatt* (15 dec.) kaj *Le Correzien* (18 dec.) aperigis tradukon de nia artikolo pri la „artefarita lakto". La *Schleizer Zeitung* (30, nov.) enhavas tradukon de la artikolo pri „reformo de la angla ortografio". Imitinda ekzemplo!

.·. *Esperanto kaj universitatoj.* — La Komitato de la mondfama Universitato de Oxford por Internacia Paco kaj Amikeco sendis al ĉiuj eŭropaj universitatoj rezolucion, kiu estis redaktita ne nur angle kaj latine, sed ankaŭ Esperante. Jen la ĉefa teksto de tiu rezolucio:

„. . . Tiu ĉi kunveno vidas en la internacia karaktero de Universitata lernado, kaj en la libereco de alproksimiĝo por studentoj el ĉiuj rasoj al Universitata instruado, gravajn helpilojn por kreskigi internacian amikecon; kaj ordonas ĝian Honoran Sekretarion, ke li sendu ĝian fratran saluton al la Universitatoj alilandaj, kaj al la diversaj federacioj de Universitataj studentoj."

.·. *Esperanto kaj kantado.* — Estas kutimo en Anglujo ke kelkajn tagojn antaŭ ol kristnasko, aroj de knaboj, knabinoj eĉ plenaĝuloj ĉirkaŭpromenas siajn urbojn por kanti kristnaskajn kantojn ĉe la pordoj de la enloĝantoj.

En Letchwort ĉi tiun jaron la knabinetoj de la Noelshome (restejo por Londonaj knabinetoj) sekvis la kutimon; sed ili kantis esperantajn kantojn, ĉe la pordoj de la esperantistoj. La Delegito estas mirigita aŭdante la „Espero" bele kantita de kelkdeko de ĉi tiuj knabinetoj apud sia domo.

Vere Letchworth esperantiĝas. — *F. A. G.*

## TRA LA GAZETARO

.·. *Lingvo Internacia* (decembro). Sub titolo: *Internacia Muzeo Esperantista:*

. . . Ĉu ni bezonas Oficialan centran *direktantan* Oficejon?

Ni opinias, ne! Ĉar tia oficiala direktado ne estas ebla, kaj eĉ, se ĝi estus ebla, ĝi pli malutilus, ol utilus nian internacian propagandon.

Ĉu ni bezonas Oficialan centran *reprezentantan* Oficejon?

Ni opinias, ne! Ĉar tia oficiala reprezentado ne estas ebla, kaj eĉ, se ĝi estus ebla, ĝi pli malutilus ol utilus, nian internacian propagandon.

La Esperantistaro konsistas *nur* el tiuj, kiuj uzas la Fundamentan lingvon de D-ro Zamenhof, sed . . . el ili *ĉiuj.*

En la Esperantistaro ekzistas naciaj propagandaj Societoj, kies kunagado por la plenumo de difinita programo povas esti tre utila. Pri tia kunlaborado kaj unuiĝo ni povas facile ĉiuj interkonsenti, en plena konkordo.

Apud la naciaj Societoj ekzistas jam aplika Societo, la U. E. A., kies internaciaj servoj fariĝas ĉiam pli kaj pli elokventa propagandilo, nacie kiel internacie. Ĝin ni povas ĉiuj subteni energie, en plena konkordo . . .

.·. *La Revuo* (januaro). En *Babilado.* (C. Bourlet):

. . . En finiĝo de 1907, subite venis strangaj reformemuloj, kiuj proponis al la Esperantistaro ŝanĝojn en nia alfabeto, ŝanĝojn en niaj gramatikaj finiĝoj, ŝanĝojn en nia sintakso, ŝanĝojn en nia fundamenta vortaro. Al tiuj tre danĝeraj kaj malpravaj modifoj la esperantista popolo prudente kaj energie kontraŭstaris, restante fidela al la lingvo de Zamenhof. Sed samtempe formiĝis en niaj rondoj aparte konservema reakcia partio de tiel nomataj „Fundamentistoj", kiuj ne nur kontraŭbatalis la senmotivajn *ŝanĝojn* proponitajn, sed eĉ rifuzis ĉian *aldonon*, ĉian pliriĉigon de nia lingvo. Leviĝis malgranda, sed militema, batalioneto, kies ordonvorto estis: „Ni *nur* uzu la vortojn de la Universala Vortaro! For! ne nur ĉiuj neologismoj nunaj, sed ankaŭ ĉiuj malnovaj terminoj jam de longe uzataj! La Fundamenton, nur la Fundamenton, nenion krom la Fundamento ni volas koni!" Tia sintenado estis cetere tre malfacila; ĉar unuflanke oni devis por tio perfekte koni ĉiujn vortojn de la Universala Vortaro kaj aliflanke forgesi multenombrajn vortojn ne apartenantajn al la U.V., kiuj, de dudek-kvin jaroj, enŝoviĝis en nia lingvo. Tia pretendo ne povis ja daŭri, kaj hodiaŭ la lastaj fideluloj de tiu malprogresema teorio estas tiel malmultaj, ke oni ilin povas kalkuli per la fingroj. Tamen ankoraŭ freŝdate oni povis legi anoncojn de paroladoj, en kiuj la parolontoj sciigis, ke „ili nur uzos la vortojn de la U.V." . . .

.·. Favoraj notoj pri U. E. A. aperis en: *Lingvo Internacia* (decembro), *La Movado* (dec.), *Tutmonda Espero* (dec.), *Ĉeskych Esperantistu* (nov.-dec.), *La Dek-Sepa* (dec.), *Amerika Esperantisto* (dec.), *German-Aŭstria Esperantisto* (dec.), *Verda-Standardo* (sept.-okt.), *Informanto de Germana Esp-Gazeto* (nov.), *Mitteilungen,* Dresden (dec.).

.·. *Amerika Esperantisto* (dec.) publikigas interesan artikolon de S-ro W. Hetzel pri la utiloj de U. E. A. dum lia traeŭropa vojaĝo.

.·. *Grafologia Revuo;* nova Esp. gazeto por la vulgarigo de grafologio. Red: Peu de la Creu 10, Barcelono.

.·. *Polo-Esperanto-Revuo,* dusemajna gazeto, publikigata en Usono, pole kaj Esperante. Red: Milwaukee Ave. 1041, Chicago, Ill.

.·. Favoraj artikoloj kaj notoj aperis en *Hildesheimer Tageblatt* (27 nov), *Münchner Neueste Nachrichten* (1 dec.), *Der Tag,* Berlin (4 dec.), *Grazer Tagblatt* (4 dec.), *Berliner Lokal-Anzeiger* (4 dec.), *Dresdner Nachrichten* (2, 8 dec.) *Schlesisches Tageblatt* (3, 8 dec.), *Nordwestdeutsche Morgen-Zeitung* (7 dec.), *Casseler Allgemeine Zeitung* (8 dec.), *Täg-*

*licher Anzeiger*, Elberfeld (10 dec.), *Deutsche Warte* (15, 29 dec.), *Dokumente des Fortschritts*, Berlin, (dec.), *Wernigeroder Zeitung* (10 dec.), *Schlesisches Tageblatt* (10 dec.), *Königsberger Hartungsche Zeitung* (13, 20 dec.), *Gelsenkircher Zeitung* (14 dec.), *Neuer Görlitzer Anzeiger* (11 dec.), *Dresdner Anzeiger* (15 dec.), *Hamburger Fremdenblatt* (20 dec.), *Sächsische Volkszeitung* (14 dec.), *Meissner Tageblatt* (15 dec.), *Der Beobachter*, Stuttgart (14 dec.), *Die Zeit*, Wien (17 dec.), *Neues Tagblatt*, Stuttgart (18 dec.), *Breslauer Zeitung* (18 dec.), *Braunschweigische Landeszeitung* (19 dec.), *Schlesische Volkszeitung*, Breslau (19 dec.), *Auerbacher Zeitung* (12 22 24 dec., Esperanta angulo), *Neue Illustrierte Zeitung*, Wien-Czernowitz (15 nov.), *Rive Bleue*, Cannes (15, 22 dec.), *Kladensky Kraj* (6 dec.), *Correio de Alagoinhas* (6, 17 nov.), *Le Moniteur de l'Oise* (5 dec.), *Le Journal de Valence* (14 dec.), *The Warwich Argus* (5 nov.), *The Western Mercury*, Plymouth (16 dec.), *L'Indicateur de Peruwels*.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Komitato de U. E. A.** — Per sia lasta rondiranta kajero la Komitato de U. E. A. alprenis la jenajn decidojn:

1. Ĝi principe akceptis la proponon okazigi la 4-an Kongreson de U. E. A. en Berno.

2. Ĝi elektis kiel kaskontrolantojn S-rojn J. Schmid, Del. Bern, kaj Kürsteiner, Del. St-Gallen.

3. Ĝi akceptis plialtigi la minimuman monprovizon de la konthavantoj de 2 ĝis 5 Sm.

4. Ĝi diskutis, ne alprenante definitivan decidon, ŝanĝon en la financa regularo koncerne la repagigo de la kotizajo, kaj ekzamenis diversajn proponojn rilatajn al tio.

**Etato de la Esperantianoj.** — Je la 31 decembro estas enkasigitaj de la Centra Kaso de U. E. A. 1913 kotizajoj (el kiuj 23 subtenantoj).

*Fakaj membroj.* — Interŝanĝa Fako: 149; Laborista Fako: 6; Virina Fako: 26; Studenta Fako: 15.

**Balotado de la Delegitoj.** — Ni publikigas ĉi-sube la duan liston de la balotoj de la Delegitoj. (Vidu la unuajn rezultatojn en *Esperanto* de 20 decembro).

En la suba tabelo la unua cifero, post la nomo de la regiono, montras la nombron de la membroj, la dua la nombron de la voĉdonintoj. La substrekitaj nomoj montras la ĝisnunajn Delegitojn.

D = Delegito. — VD = Vicdelegito. — E = Elektita.

BERLIN. — 87; 8. — D: *Sostmann* 7 E; Fromm 1. — VD: F-ino *Rabe* 6 E; S-ro Linse 1; Schutz 1.

GENOVA. — 120; 23. — D: Arabeno Michele 23 E. — VD: Bacchi Giovanni 23 E.

HAMBURG. — 33; 18. — D: *S. Levinson* 18 E. — S-ino E. Jenckel 18 E.

KIEW. — 64; 15. — D: *Illaŝeviĉ* 12 E; Ŝepe 1; Rusjecki 1. — VD: Kondrackij 6; *Romanenko* 5; Traĉevskij 2; Ĉudinskij 1. (Nenia rezultato.)

KOLOMEA. — 27; 11. — D: *O. Kuzma* 10 E; E. Nykota 1. — VD: T. Jurĉyŝin 7 E; Ĉornyŝ 1; Bojenskij 1; Kulĉyckyj 1.

KÖLN. — 25; 9. — D: E. Diemer 7 E. — VD: A. Junker 7 E.

LE CREUSOT. — 21; 13. — D: *Dejean* 11 E; Dubant 2. — VD: Forien 11 E; Morain 2.

LE MANS. — 14; 6. — D: *Autin* 6 E. — VD: Lebatteux 5 E; Bouzianne 1.

MAGDEBURG. — 42; 13. — D: *P. Göring* 13 E. — VD: *F. Rockmann* 13 E.

MARSEILLE. — 21; 21. — D: *J. Rebouillon* 21 E. — VD: *G. Place* 21 E.

MOSKVO. — 124; 32. — D: *S. Szabuniewicz* 31 E. — VD: Buŝujev 30 E; O. Gabrik 1; R. Mencel 1.

MÜNCHEN. — 103; 23. — VD: H. Koch 19 E; J. Geyer 1; R. Jodl 1.

NANCY. — 24; 22. — D: *Maresquelle* 21 E; Nieger 1. — VD: (ne elektita).

PETERBURGO. — 70; 18. — D: *R. Lorencson* 18 E. — VD: L. Vasiljev 12 E; P. Tobi 2; Kodyl Koliŝko 1; Ĉernoĥovostov 1.

S. FELIN DE GUIXOLS. — 22; 13. — D: *J. Vendrell* 13 E. — VD: Seli Furest 12 E; Vilaret 1.

SEVILLA. — 59; 32. — D: *T. Soriano* 32 E. — VD: M. Sanchez 32 E.

TRIESTE. — 25; 13. — D: F. Chierego 8 E; D-ro Ghez 4; R. Samblich 1. — VD: Deganollo 4 E; L. Fillisti 3; F. Chierego 3; A. Boghessich 2.

En la ĝis nun okazintaj balotoj partoprenis 759 personoj el 2281 membroj.

**Statistiko.** — Jen la movado de la korespondajoj ĉe la C. O. de U. E. A. dum decembro 1912.

| Ricevitaj | Mandatoj | Forsenditaj |
|---|---|---|
| 1295 | 276 | 1401 |

Tuta somo: 2972. Antaŭa monato: 5534. Antaŭa jaro (sama monato): 2958.

**Kalkulkontrolado.** — La du subskribintaj kaskontrolantoj, elektitaj de la Komitato de U. E. A., konforme al § 61 de la Statuto, ekzamenis ĉiujn librojn de la librotenado en la Centra Oficejo de U. E. A. en Ĝenevo kaj konstatis, ke la bilanco estas korekte farita kaj harmonias kun la diversaj libroj.

Ĝenevo, la 15. decembro 1912.

La kaskontrolintoj:

*H. Kürsteiner*, Del. Sankt-Gallen, *J. Schmid*, Del. Bern.

**Novaj Delegitoj.**

*Aïn-Beïda* (Alĝerio). — D.: F-ino Adrienne Rippert, instruistino, Ecole de filles.

*Antibes* (Francujo, Alpes Maritimes). — SD.: Campiche, 28 rue Aubernon.

*Boulogne sur Seine* (Francujo). — VD.: Emile Lambert, 30 rue d'Aguesseau.

*Cannstatt* (Germanujo, Württemberg). — D.: Ch. Mozer, 107 Karlstr.

*Ĉernigov* (Rusujo). — D.: Abrahamo Ĥalfin, studento, Severjanskaja ul., d. Lipnickoj.

*Dilbeck* (Belgujo, Bruselo). — SD.: Bonabo, monŝanĝisto, 47 Ch. de Nineve.

*Falicon près Nice* (Francujo, Alpes Maritimes). — D.: S-ino Carmen Legrelle de Ferrer, Château Rayet.

*'s-Gravenhage* (Nederlando). — VD.: W. F. Lutter, Westeinde D 72b Voorburg.

*Haarlem* (Nederlando). — VD.: J. W. Sevenhuysen, 20 Voldersgracht.

*Heilbronn* (Germanujo, Württemberg). — D.: Robert Frasch, desegnisto, 52p Sichererstr.

*Landeck* (Aŭstrio, Tirol). — D.: Richard Malzacher, fabrikoficisto, Jubileumstr.

*Letchworth* (Anglujo, Herts.). — VD: F-ino F. M. Bartholomew, 13 Norton Way North.

*Leubnitz apud Dresden* (Germanujo, Saksujo). — D.: Oskar Vogel, inĝeniero, 3 Gartenstr.

*Meissen* (Germanujo, Saksujo). — D.: Frida Simmank, instituto por tolajkudrado, 6/II Baderberg.

*Merthyr Tydfil* (Anglujo, Wales). — D.: W. H. Harris, studento, Pontsticill; VD.: Lewis Evans, 7 Bryn Terrace, Pontsticill.

*Muros* (Hispanujo, Coruña). — D.: Jozefo Fuentes, profesoro.

*Niederau* (Germanujo, Saksujo). — D.: Kurt Börner, instruisto.

*Paris* (Francujo). — SD.: Paul Guillemaud, diamant- kaj perl-negocisto, 17, rue d'Antin; Lemoine, bankoficisto, 21, rue de Moscou; Soettens, 188, rue du faubourg St. Denis; Belhoste, 17, Bd. St. Jacques; Cuny, 28, rue des Lilas.

*Peterburg* (Rusujo). — VD.: Leonido Vasiljev, Teatralnaja 3, Teknika Komitato.

*Puebla del Deán* (Hispanujo, Coruña). — D.: Roberto Maraurij, doganestro.

*Reutlingen* (Germanujo, Württemberg). — D.: A. Götz, komercisto, 31 Unter den Linden.

*Reval* (Rusujo, Estland). — VD.: Karl Haarband, Laulupidu ul. 10.

*Saigon* (Koŝinĥinujo). — VD.: Grenier, mekanikisto, poŝtoficejo.

*Samaden* (Svisujo, Graubünden). — D.: Jakob Weilenmann, administristo.

*Sevilla* (Hispanujo). — VD.: Manuel Sanchez y Sanchez, Calle Moreira 4-pral. dernha.

*San Feliu de Guixols* (Hispanujo, Gerona). — VD.: José Geli Furest, str. Sta Lucia 21.

*Teorchy-Rhondda* (Anglujo, Wales). — D.: W. E. Davies, lernejestro, Park School.

*Wyk* (Germanujo, Schlesw.-Holst). — D.: Bernhardt Eckert, komercisto.

*Zuffenhausen* (Germanujo, Württemberg). — D.: Fr. Schweizer dipl. inĝ., 26 Karlstr.

## Ŝanĝoj.

*Berlin* (Germanujo). — VD.: F-ino Martha Rabe, Bandelstr. 45/III.

*Bremen* (Germanujo). — D.: Bernhard Böning, instruisto, 14 Bergstr.

*Burgdorf* (Svisujo). — D.: Fritz Kocher, fervojoficisto, 18 Kirchbergstr.

*Cannes* (Francujo, Alpes Maritimes). — VD.: Paul J. Richard, ĉeftelegrafoficisto, chemin Roger.

*Cardiff* (Anglujo, Wales). — D.: Dan Thomas, farmaciisto, Penarth Rd.; VD.: Friston, 10 Cegan Terrace.

*Dargaville* (Nov-Zelando). — SD.: Norman Carryer, arkitekturisto, Normanby Street.

*Darmstadt* (Germanujo, Hessen). — D.: Paul Usinger, studento, 51/II Kranichsteinerstr.

*Dijon* (Francujo, Côte d'Or). — VD.: G. Ferrain, 78 rue Vannerie.

*Firenze* (Italujo). — VD.: D-ro Mario Ventura, 2 bis Lungarno Acciacoli.

*Frankfurt a/M.* (Germanujo, Hessen-Nassau). — VD.: Ernst Hummel, sekretario, 40/41 Eschenheimeranlage.

*Genova* (Italujo). — D.: Michele Arabeno, komercisto, Salita Prine 27; VD.: Giovanni Bacchi, komercisto, via Rivale 28 A 13.

*Huddersfield* (Anglujo, Yorkshire). — VD.: James H. Fitton, Meadow House, Shepley near Huddersfield.

*Kaliŝ* (Rusujo, Polujo). — D.: Henrik Przybylski, Aleo Jozefino 1; VD.: Br. Szczepankiewicz, librovendisto, ul. Piaskowa 20.

*Köln a/Rh.* (Germanujo). — D.: Eduard Diemer, dentkuracisto, 269 Veuloerstr., Köln-Ehrenfeld.

*Königsberg* (Germanujo, Preussen). — VD.: D-ro K. Nitz, 34/II Drummstr.

*Limoges* (Francujo, H-te Vienne). — D.: Louis Lamant, bankoficisto, 48, Avenue du Pont Neuf.

*Lwów* (Aŭstrio, Galicio). — VD: Wladislaw Niznik, poŝtoficisto, ul. Ossolinskich.

*Madrid* (Hispanujo). — VD.: Joaquin Raventos Paris, infant. kapitano Calle Herman Cortés 17 duplicado 2o.

*Manchester* (Anglujo, Lancashire). — D.: Francis W. Shaw, inĝeniero, 1 Lancaster Avenue, Didsbury.

*Memmingen* (Germanujo, Bavarujo). — D.: Franz Goldbach, advokato, 2 Bahnhofstr.

*Moskvo* (Rusujo). — VD.: J. Buŝujev, Varvar ploŝĉ. Delovoj Dvor, T-tro N. N. Konŝin.

*München* (Germanujo, Bavarujo). — VD.: Hans Koch, magistrata aspiranto, 2/I Gelsattelstr.

*Neuchâtel* (Svisujo). — D.: Charles Perret, kalkulisto, 12, Charmettes; VD.: D-ro Ferdinand Schaerer, kuracisto, 17, faubourg de l'hôpital.

*Novoĉerkask* (Rusujo, Donskaĵa obl.). — D.: Stefano Bogdanov, instruisto, Vospitatelnaja ul. 43.

*Noya* (Hispanujo, Coruña). — D.: F-ino Maria Luisa Garcia Caamano.

*Paris* (Francujo). — VD.: Emanuel Robert, muzikisto, 5, rue Ravignan.

*Sabadell* (Hispanujo, Barcelona). — VD.: Miguel Comas, via I 11 a, 16.

*Southport* (Anglujo, Lancashire). — VD.: Horace Tidswell, 32 Nevill St.

*St. Gilles* (Belgujo, Bruselo). — SD.: A. Tillière, 23, rue du Métal.

*Trieste* (Aŭstrio, Adriatiko). — D.: Francesco Chierego, oficisto, via Antonio Canova 21/II; VD.: Atilio Deganello, via Nuova 35/II.

*Vilna* (Rusujo). — D.: Georgo Deŝkin, Zvjerinec st. Soltanisskaja 7.

## Eksiĝoj.

*Cavallo* (D.: F-ino Rippert); *Ĉita* (D.: Fovickij); *Draguignon* (D.: Requin); *Haida* (D.: Taubmann); *Kairo* (D.: Elissa, VD.: Atkins); *Leeds* (D.: Beaumont); *Osaka* (D.: Kunz); *Podebrady* (D.: Müller); *Sarajevo* (D.: Schwarz); *Sedan* (D.: Sauvage); *Ŝepetovka* (D.: Ŝaĥnoveckij); *York* (VD.: Wilkinson); *Zeitoun* (D.: Bravant).

## Rimarkoj.

*Kiev* (Rusujo). — Pro foresto de la delegito oni petu ĉiujn informojn de la vicdelegito.

*Saigon* (Koŝinĥinujo). — (Same.)

## Esperantiaj Entreprenoj (por la jaro 1913).

*(Daŭrigo.)*

135. *Berlin*, Esp. Gruparo.
136. *Berlin*, Kuracejo de D-ro Breiger.
137. *Saumur*, Vidvino Amiot, vinvendejo.
138. *Saumur*, Gratien et Meyer, vinvendejo.
139. *Saumur*, Balme kaj filoj, fabriko de religiaj juveloj.
140. *Saumur*, Société des Lettres, Sciences et Arts Saumurois.
141. *Saumur*, Esp. Grupo.
142. *Lwów*, Societo Esperanto.
143. *Kassel*, Esp. Societo.
144. *Charleroi*, Esp. Grupo.
145. *Charleroi*, D. Hallet, presejo kaj reklamfarejo.
146. *Auxerre*, Esp. Grupo.
147. *Vilna*, Esp. Societo.
148. *Troyes*, Esp. Grupo.
149. *Romilly sur Seine*, Esp. Grupo.
150. *s'Gravenhage*, Esp. Grupo „Fine ĝi venkos".
151. Nederlanda Ligo Esp. „La Estonto estas nia".
152. *Nice*, Société des Fleurs de Nice.
153. *Nice*, Esp. Grupo.
154. *Peterburg*, Esp. Grupo.

155. *Peterburg*, Tolstoja Societo.
156. *Gummersbach*, L. & C. Steinmüller, fabriko de akvotubkalgronegoj.
157. *Grenoble*, Esp. Grupo.
158. *Stuttgart*, Esperanto-Stelo.
159. *Reval*, Esp. Grupo.
160. *Grenoble*, A. Ploussu, vestfarejo. *(Daŭrigota.)*

La Centra Oficejo de UEA serĉas junan oficiston por diversaj oficejaj laboroj. Kono de esperanta kaj franca aŭ germana lingvoj, kaj bona skribo estas postulataj. Pri ĉiuj kondiĉoj kaj informoj sin turni al la Centra Oficejo de UEA, 10 rue de la Bourse, *Genève*.

# Avertoj

Ni informas la Esperantistan publikon, ke la entrepreno konata sub la titolo *Anoncekspedo Th. Anding* (Berlino) estas ne fidinda kaj ne pagas siajn ŝuldojn malgraŭ ripetitaj avertoj. La dirita entrepreno neniel estas rajtigita agi kiel agento de nia gazeto aŭ de UEA por kolektado de anoncoj, kaj ni rezignas ĉiun respondecon pri ĝiaj agoj en tiu rilato.

*(Red.)*

* * *

La Komitato de la Propaganda Ligo „Parkurbo Esperanto informas nin, ke S-ro L. Schlaf estas forigita de la direktado de l'komerca fako de la Ligo, kaj ĉiuj rajtoj, kiujn li havis ĝis nun, kiel direktoro, reprezentanto aŭ propagandanto de diversaj entreprenoj de la Ligo, estas nuligitaj. La direktado nun estas komisiita al arkitekto S-ro F. Sievers sub la gvidado de bankiero S-ro O. Schuler kun helpo de S-ro V. N. Devjatnin.

**GRAVA AVIZO. Por la venonta numero oni presigos novan adresaron de la abonantoj. Pri tio estas necese informi tuj la administrejon pri ĉiu ŝanĝo de adreso: Administrejo de l'Esperanto, 10, rue de la Bourse, Genève.**

# Esperantia Parolejo

## Oni laŭdas!

.·. S-ro *M. de Balzac*, Del. en Torino, dankas la Del. en Mainz, Köln, Stettin, Berlin, Stuttgart pro ilia afabla helpo dum vojaĝo.

.·. La *Central-Verband der Einjährig-Berechtigten in Bayern* dankas la Del. en Amsterdam, Firenze, Limoges, Liverpool, Madrid, Reims, Stockholm, Valencia, Verona, Bruselo, Barcelono, Dublin, Glasgow, Kopenhago, Milano, Malaga, Marseille, Nancy, Roma, Rotterdam, Genova, Lyon, Antverpen, pro iliaj respondoj al informpetoj.

.·. S-ro *R. Busquet*, Esp-iano el Marseille, dankas la Del. en Chicago pro la klopodoj por plenumi malfacilan mendon.

.·. D-ro *J. Hanau*, Del. Wiesbaden, kore dankas S-ron Teichfeld, Del. Varsovio, kaj D-ron Chybczynski, red. de „Kuracisto" pro grava helpo dum profesia vojaĝo.

.·. S-ro *W. Ranft*, Esp-iano el Dresdeno. dankas la Del. en Shanghai pro tre preciza plenumo de peto pri ĥinaj ventumiloj. Li ankaŭ dankas la Del. en Helensburgh pro dumvojaĝa helpo al amikino.

.·. S-ro *L. Vincent*, Esp-iano el Parizo, dankas la Del. en Antverpeno, Hago, Amsterdamo, Harlemo, kaj ĉiujn Subdel. kaj samideanojn, kiuj multe helpis lin dum vojaĝo tra Nederlando.

# Esperantia Vivo

**Honorigo.** — S-ro kand. fil. Rudolf Pettera, Del. Graz, estis promociata doktoro de filozofio ĉe la universitato de Graz. Koran gratulon.

**Naskiĝo.** — Al ges-roj Rockmann, en Magdeburg, naskiĝis knabineto.

**Edziĝo.** — S-ro L. Ŝafar, Esp-iano en Debreczen, kun F-ino O. Kovách, en Debreczen.

— S-ro D. H. Hallet, red. de la Centra Komerca Oficejo, en Charleroi, kun F-ino A. Morgenthaler, sekretariino de la Esp. Grupo de La Chaux-de-Fonds.

**Morto.** — La 25 decembro mortis, post longa kaj nekuracebla malsano, Pastro Abato Requin, Delegito en Draguignan. Li estis unu el la plej malnovaj kaj plej sindonemaj esperantistoj en nia regiono, same ŝatata pro lia bonfaremo kaj toleremo al ĉiuj, kaj fondinto de la tiea grupo, por kiu lia morto estas grava bato.

A. F.

— Komence de januaro, mortis la amata prezidanto de la Esp. Grupo de Vichy. La malapero de tiu sindona samideano estas tre grava perdo por la tiea grupo. — C. M.

# Alvokoj

## IIIa Tutaŭstria Esperanto-Kongreso en Graz 1913.

En la ĉarma alpolanda ĝardenurbo Graz okazos de la 10a ĝis 13a de majo 1913 la *IIIa Tutaŭstria Esperanto-Kongreso*, kiel oni decidis en Krakovo. En la sudaŭstriaj landoj, precipe en la aŭstriaj alpolandoj, Esperanto ĝis nun ankoraŭ estas malmulte disvastigita, en Karintio, Krajnio kaj ĝis la lasta tempo ankaŭ en Salzburgio ne ekzistis esperanta grupo. Tial la agema „Stiria Esperantista Societo" en Graz havis preskaŭ tro grandan laborkampon. Oni do komprenos, ke Esperanto-Kongreso en tiu regiono estas des pli grava, ĉar oni devas veki la ĝeneralan intereson por nia afero ankaŭ en tiuj landoj. Sed la Graz'aj Esperantistoj estas tro malfortaj por sole aranĝi tiun gravan por ni kongreson, des pli ĉar ni ne povas esperi multe da subvencioj.

La loka organiza komitato do direktas la ĝentilan peton al la ĉiulandaj Esperantistoj, bonvole subteni la aranĝon de tiu kongreso per donacoj por la kongresa fondo, per sendo de materialo por la ekspozicio (gvidlibroj, katalogoj, reklamiloj kaj propagandiloj) kaj precipe per multnombra vizito de nia kongreso, por montri al la enloĝantoj, ke Esperanto vivas kaj progresas. Oni ankaŭ akceptas anoncojn por la eldonota gvidlibro Esperanta tra Graz.

Plue ni petas ĉiujn gesamideanojn, kiuj intencas partopreni la Tutaŭstrian kongreson en Graz, por plifaciligi la preparajn laborojn, jam nun anonci sian partoprenon kaj se eble, jam nun sendi la kongreskotizaĵon, fiksita je 4 kronojn (Sm. 1.70, gvidlibro senpage por la kongresanoj).

Monon oni bonvolu sendi al la kasisto Sro. Paul Spalke, fotografejestro en Graz, Beethovenstrasse 26. Oni ankaŭ akceptas transpagilojn de la Ĉekbanko Esperantista kaj internaciajn respondkuponojn. La mondonacoj regule estos publikigataj en la aŭstriaj Esperanto-gazetoj.

Ĉiujn leterojn, demandojn, aliĝojn al la kongreso kaj materialon por la ekspozicio oni bonvolu sendi al la Oficejo de la IIIa Tutaŭstria Esperanto-Kongreso en Graz VI, Wielandgasse 42.

Ĉiu sendinto senpage ricevos ilustritajn poŝtkartojn de Graz kun Esperanta priskribo.

## Unua tutruslanda vegetara kongreso.

Tiu ĉi kongreso, anoncita por januaro 1913, estas prokrastita ĝis aprilo de l'sama jaro. Oni petas ĉiulandajn samideanojn daŭrigi

la alsendon de la vegetarajoj kaj esperantaĵoj por ĝia esperanta fako laŭ la adreso: F-ino *A. Ŝarapov*.
Vegetara Restoracio, 12 Gazetnyj str.
Moskvo (Rusujo).

## Termastruma kaj Industria Ekspozicio de Kostroma

Tiu ĉi ekspozicio, anoncita por aprilo 1913, estas prokrastita ĝis la fino de majo samjare. Ĝi estas preparata por honorigi la 300-jaran regadon de Romanova Dinastio, kaj la Caro estas venonta por ĝia malfermo. Dum tri monatoj — junio, julio kaj aŭgusto — la plej belaj sur la rivero Volga, funkcios tiu ĉi ekspozicio tre karakteriza porRuslando.

Ĝi estos lokita en tre interesa urbeto, speciale konstruita de lerta arĥitekto S-ro Sologub laŭ la antikva rusa stilo, studita de l'fama pentristo Vasnecov. Kostroma Gubernia Zemstvo afable proponis al la Prezidanto de Kostroma Esp. S-to S-ro A. P. Belov lokon por *Esperanta pavilioneto*.

Kostromа Esp. S-to insiste petas samideanojn ĉiulandajn helpi sendante esperantaĵojn al la prezidanto de K. S. E. S-ro A. P. Belov, Administranto de Kostromaj arbaroj, Volga Kajo, *Kostroma* (Rusujo).

La esperantaĵoj, sendotaj por la Moskva Vegetara kongreso, povos poste esti utiligataj ankaŭ en Kostroma.

## Fotografantoj

En la urbo Amiens (Francujo) okazos en februaro internacia konkurso de fotografarto, en kiu povas partopreni ĉiuj amatoroj de la mondo. La konkurso, kiu havos belajn premiojn, estos senpaga; la partoprenontoj devos pagi nur la sendkoston de siaj fotografaĵoj ire kaj returne. La speciala prospekto estos sendata al ĉiu, kiu petos ĝin de S-ro Poteaux, rue Paillat, Delegito de U. E. A. en Amiens.

## Migrantaj poŝtkartoj

Por propagandi, kaj ankaŭ por montri la grandan disvastiĝon de UEA la Asocio Esp. Dole'a antaŭ nelonge sendis ok migrantajn poŝtkartojn.

Jen la vojoj de tiuj poŝtkartoj:

No 1 Dôle—Amsterdam—Barcelona—Lisboa—Dôle
„ 2 Dôle—Los Angeles—Habana—Sydney—Dôle
„ 3 Dôle—Vladivostok—Philadelphia—Glasgovo—Dôle
„ 4 Dôle—Saïgon—Caracas—Gibraltar—Dôle
„ 5 Dôle—Le Locle—Rotterdam—Shangaï—Dôle
„ 6 Dôle—Odense—Tabriz—Tiflis—Dôle
„ 7 Dôle—Konakri—Valparaiso—Rio de Janeiro—Dôle
„ 8 Dôle—Porto—Spezia—Innsbruck—Dôle.

La lokaj ĵurnaloj anoncis la sendadon de tiuj p. k. Post reiro Dole'on, ili estos elmontrataj ĉe la Esp-oficejo.

Mi petas, ke la Delegitoj en la de tiuj p. k. trapasotaj urboj bonvolu preni sur sin, ke ĉiu p. k. iru sian ĉi-supre montritan vojon sen malhelpaĵo. Se, okazе, kelkaj delegitoj ne ricevus p. k. ili bonvolu informi min. Al la delegitoj antaŭdankojn: al la p. k. bonan vojaĝon.

*Louis Crébely*,
prez. de la Asocio esp. Dole'a (esperantia asocio),
Del. de U. E. A. en Dole — Moulin-Rouge — (Jura-Francujo.)

## Instituto Ŝipek

Sekve de la artikolo aperinta en No 134 de *Esperanto* (paĝ. 321) mi ricevis multajn demandojn, ĉu mi nun okupas min nur per la infana instituto. Al tiuj demandoj mi havas la honoron respondi, ke mi daŭras akcepti en miaj pensionoj (somere en Luhačovice, vintre en Heliopolis-oazo) ĉiuaĝajn personojn, nur vegetaranojn.

*D-ro Ŝipek*,
Heliopolis — Kairo.

## Internacia enketo

La Francaj profesoroj deziras kompari siajn salajrojn kun la alilandaj profesoraj salajroj. Tial „Le Journal des Collèges" (la ĵurnalo de la kolegioj) malfermas enketon. La esperantistaj profesoroj de la duagrada instruado (gimnazioj, kolegioj, liceoj k. t. p.) en Rusujo, Hispanujo, Italujo, Nederlando, Svedujo, Hungarujo, Ĥinujo, Japanujo k. t. p., la delegitoj de U. E. A. en grandaj urboj, ĉiuj esperantistoj kiuj konas la regularon oficialan pri la salajroj profesoraj, estas petataj sendi raporton pri tiu demando al Sro Bord, profesoro de historio, ĉe la kolegio en Beaune (Côte d'Or, Francujo).

OREL (Rusujo). — S-ro Boris Popov, Ĉerkasskaja 27, Pl. PM. Sm. L. (kun ŝakistoj; kun ĉiuj landoj).

PETROPAVLOVSK (Rusujo). — S-ro Nikolao Jankov, Realnoe Uĉi-Akmol. obl. liŝĉe, Pl. (kun ĉiuj landoj).

PRAHA (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Bohumil Holan, Rybni ul. ĉ 18, Pl.

PRAHA-VRŜOVICE 94 (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Carlos Smid, Pl.

PREROV (Aŭstrio, Moravio). — S-ro O. Odloĉilik, Gymnasium Prerov, Pl. PM. (kun ĉiuj landoj). — S-ro Jan Viguati, Pl. PM. (kun ĉiuj landoj).

REVEL (Rusujo). — S-ro Ivanov, studento, Novo-Hollandastr. 9, Speicher Ĵirard (korespondi pri slava demando kun slavoj kaj ĉefurbanoj), Pl. bfl. (kun neeŭropanoj), kolektas glumarkojn.

RONŜPERK (Aŭstrio, Bohemujo). — S-ro Josef Ŝmula, farm., Pl. PM.

RYLSK (Rusujo, Kursk gub.). — S-ro A. Odincov, loĝ. de P. P. Levitsky.

RYLSK (Rusujo, Kursk gub.). — S-ro P. P. Levitsky.

SEVILLA (Hispanujo). — S-ro Antonio Rodriguez, Populo 39, PM. Pl. bfl. (kun ĉiuj landoj).

STADE (Germanujo). — S-ro G. Bendix, Hökerstr. 25, PM.

STUTTGART-CANNSTATT (Germanujo). — S-ro Chr. Bollinger, Karlstr. 99, Pl.

SANTA ROSA (Usono, Cal.). — S-ro G. J. Griffith, R. D. No. 2 (dez. korespondi kaj interŝanĝi portretojn kun fraŭlinoj).

ST. PETERBURGO (Rusujo). — S-ro R. Lorencson, 7 Gorohovaja, esp. glumarkoj, PM. Pl., PK. (oficialaj) (nur kun ekstereŭropanoj).

WARNSDORF-I-B. (Aŭstrio). — S-ro Carl Fischer, Creditanstalt, Pl. PM. oficialaj PK. (respondas nur sur belaj kartoj).

WIEN I (Aŭstrio). — S-ro Srovnal Bohuslav, bankoficisto, Wipplingerstr. 2.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

CENT NOVAJ LERNANTOJ de la grupo Saint Denis deziras korespondi kun alilanduloj. — Sin turni al S-ro Bernard, 9 Place Victor Hugo, St. Denis (Seine, Francujo).

CITRONA SUKO EN BOTELOJ. — Fabrikejo deziras reprezentantojn en Svisujo, Belgujo kaj ĉiu lando kie limdepagoj estas malgravaj. — Firmo: P. Brachet, 55 rue Tronchet, Lyon, Francujo.

ESPERANTO EN SAKETO. — Gesamideanoj, *korespondu* inter vi per tiu utila kaj agrabla lernoludo. — Por ricevi saketon da 200 pecoj sendu 1.— Sm (2.50 fr.) al S-ro L. BOUZAC, Del., Avenue de Bayonne, *Biarritz* (Francujo). — NOVA KAJ INTERESA.

ESPERSTENO: Alfaro de la Pitman'a Sistemo de Stenografio al la postuloj de Esperanto. Prezo: Sm. 0.50 (aŭ 5 responkuponoj) afrankite. Havebla ĉe la aŭtoro, J. Catton, Oswald Road, Saint-Albans, Anglujo.

FILATELIISTOJ. — Sendu al S-ro T. Yamasaki, 96 Ikkumura, Kochi-Japanujo, 3, 6 aŭ 9 respondkuponojn kaj vi ricevos diversajn japanajn PM. kaj katalogon de PM.

GERMANA D-RO FIL, kun ŝtata ekzameno (germana, angla, historia) kaj provojaro, franca lingvo, filozofio, muzikema kaj literaturema, protestanto, 26-jara, serĉas je la 1a de Aprilo 1913 aŭ pli malfrue okupon kiel instruisto en instituto aŭ familio aŭ kiel sekretario en aristokrata familio en eksterlando. Oni sendu proponojn kun cito de l'salajro al Esperantista grupo Hanau a. M., Rhoenstr. 4.

GESAMIDEANOJ! *Rondeto „Esperanto"* tre petas vin alsendi esperantajn librojn por ĝia malgranda biblioteko, ĉar pligrandigo de la biblioteko allogos novajn membrojn kaj helpos la disvastiĝon de nia kara lingvo. Adreso: St. Peterburgo, Lesnoj, pr. Segal'a, 17, ĉambro 4, al S-ro Tirosjan.

GRAVAJ INFORMADOJ PRI BRAZILUJO. — Bonvolu vidi mian detalan anoncon en Jarlibro de U.E.A. 1913. — Delegito de U.E.A. Carlos Chr. Muller, Joinville (Santa Catharina) Brazilujo.

JUNULO, momente soldato, scianta plurajn lingvojn kaj stenografion deziras novjare modestan oficon kiel instruisto aŭ korespondisto ie en Eŭropo. — Holger Madsen, K. F. U. M. Viborg (Danujo).

KIU VENDAS AŬ PRUNTEDONAS al mi la numerojn 9 kaj 10 de l'Voĉo de la kuracistoj 1911? H. Rusterholz, Delegito de U.E.A. en Basel (Svisujo).

LIBREJO ESPERANTO en Montevideo deziras havi komercajn kaj pri Esperanto progagandajn interrilatojn kun similaj alilandaj firmoj, t. e. Esperantaj eldonejoj, librovendejoj, papervendejoj, k. t. p. Oni petas ankaŭ la alsendon de katalogoj, specimenoj, prezaroj, k. s. — Adreso: Libreria Esperanto (Munoz kaj K-o), strato 25 de Mayo 471. Montevideo (Urugvajo).

POŜVORTARO. — Tre interesa libro por hispanlingvanoj kaj fremduloj vizitontaj latinajn landojn. Enhavas pli ol 10.000 radikojn. Lukse bindita 2 Fr. Adresu al S-ro X. Tuduri, S. Sebastian (Hisp.).

SERIOZA RIPREZENTADO. — Firmo kiu tion serĉas en Germanujo, por enkonduki iun ajn artikolon, donu adreson kun proponoj al: H. Fischer, 46, Westwall, Krefeld, German. (Ĝi mem pagas vojaĝkostojn).

STUDENTOJ de naturscienco, kiuj deziras pasigi kelkajn monatojn en Davos; en belega ĉirkaŭaĵo, por studi iun branĉon de Alpa geologio, zoologio aŭ botaniko, povas trovi laborejon kaj laŭdezire instruadon kaj helpadon, pagante Sm 60 por la sezono (tri monatoj). Internacia Naturscienca Instituto, Davos-Dorf. Informoj de D-ro W. Marchand, Subdel. U.E.A. Luginsland, Davos-Dorf, Svisujo.

UKRAINA STELO. — Monata ilustrita literatura propaganda gazeto. Organo de ukrainaj Esperantistoj. — Jara abono: Sm. 1,40 (3 K, 36 h.). Administrejo: M. Nedilskyj. Kolomea, gimnazio, Aŭstrio-Galicio. Specimeno nur kontraŭ respondkupono. Kiu varbas 5 abonantoj ricevos dum 1 jaro la gazeton senpage.

La grupo VERDA STELO, ELBERFELD, eldonis belegan kaj frapantan *afiŝon* (plakat) pri Esperanto, por fenestroj ktp., uzeblan por ĉiu lando.

Prezo: 10 ekz. 2 M. (1.000 Sm.), 100 ekz. 17,50 (8,750 Sm.), 1000 ekz. 150,00 M. (75.000 Sm.), ĉe afr. als., escepte per poŝta repago.

Skribu al kasisto Winkelmann, *Elberfeld* (Germanujo), Untergrünewalderstr. 12.

PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO